XVIIIa jaro. No 267 (11) ☆ Monata ☆ Novembro 1922

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

| | |
|---|---|
| Simpla abono | 10.— Fr. Sv. |
| Kun la membreco de UEA | 12.50 Fr. Sv. |
| Unu numero | 1.— Fr. Sv. |

*Svisa poŝĉeko I. 2310. — La abonoj komenciĝas en januaro*

REKLAMO

| | |
|---|---|
| Anonco (unu centimetra kolonero) | 2.— Fr. Sv. |
| Anonceto (1 linio: 10 vortoj) | 0.50 Fr. Sv. |
| Korespondado (1 enskribo) | 0.75 Fr. Sv. |

*Vidu naciajn prezojn en la koncerna fako!*

FONDINTO: HECTOR HODLER — GVIDANTO: D-ro EDMOND PRIVAT

ADRESO DE LA REDAKTEJO KAJ ADMINISTREJO: 12, BOULEVARD DU THÉÂTRE, GENÈVE

*La Redaktejo ne povas resendi manuskriptojn. Lasta dato por ricevo: la 15a de ĉiu monato. Oni skribu tre legeble kaj konservu kopion.*



## Post la Ligo.

Ĉe la Ligo de Nacioj ni atingis la maksimumon eblan per nia laboro. Esperanto ricevis oficialan konstaton pri vivanteco kaj taŭgeco. Plie la diskutoj remetis Esperanton antaŭ la publika opinio de la tuta mondo post la dorma silento de la milito, kio estas eble la plej grava. Ĉu tio estas vere „nenio nova", kiel skribis urĝemulo? Jam dek mil ekzempleroj de la Liga raporto estis tuj mendataj nur en franca kaj angla lingvoj. Itala kaj germana eldonoj presiĝas. Ĉeha prepariĝas. Antaŭ Kristnasko la raporto devus esti aperinta en almenaŭ dekdu lingvoj se niaj naciaj societoj vere ekzistas.

Nun, oni demandos, kiam la Ligo reprenos la diskuton en plena kunsido kaj alvenos al decido definitiva? Nia respondo estas klara: ni tion klopodos kiam niaj francaj kaj britaj samideanoj estos mem konvinkintaj sian propran registaron kaj kiam niaj brazilaj amikoj estos sukcesintaj, ne nur ke ilia registaro honoru Esperanton per stratnomoj, subvencioj kaj dekretoj, sed ankaŭ tute simple per pozitiva ordono al siaj reprezentantoj ĉe la Ligo.

En nia Julia Numero ni avertis kontraŭ fantaziaj iluzioj kaj konigis la kontraŭbatalon de potenca registaro. Tie ĉi ni povas fari multon, sed ne ĉion. Ĝenevo ne estas mirakl-ejo. UEA ne estas Dio, eĉ ne riĉulo. Malgraŭ nia manko de mono kaj forto, ni povas senlace informi, sugesti, interesi, sed ne devigi. La esperantistoj devus kompreni tion: la plej belaj argumentoj nenion povas kontraŭ ordonoj skribitaj el eksterlandaj ministrejoj. Sur tiuj ministrejoj povas influi nur la naciaj societoj. Ĝis kiam la naciaj societoj estos farintaj sian tutan devon kaj estos nin informintaj pri tio, ni ne riskos eĉ unu pluan paŝeton ĉe la Ligo de Nacioj. Kiom da ili eĉ tute ne vizitis sian propran registaron? Kiom da ili eĉ nenion faris por ĝin interesi?

Tion diris al mi la registaraj delegitoj mem. Kelkaj societoj agis. Ekzemple la nederlanda sukcesis, ke ĝia registaro voĉdonu favore, eĉ kvankam silente. Al ĉiuj agintaj ni kore dankas. Al ĉiuj ceteraj ni lastfoje alvokas: komprenu vian respondecon. Armilon vi nun havas en la mano: la raporton. Uzu ĝin kaj informu nin pri viaj klopodoj. Nur per ĉies kunhelpo ni venkos. Unu sola sindeteno povas detrui la laboron de ĉiuj ceteraj. Ni ne permesu tion. Ni gajnis duan sukceson ĉe la Ligo. Ni nun celu la trian.

* * *

### Komerca konferenco en Venezia.

Solene ni deklaris militon — tute pacan — por venkigi la helplingvon. Neniu kredu, ke ni haltos nun por ripozi. Ĉiu monato devas alporti novajn ŝtonojn al nia domo, novan ŝtupon al nia ŝtuparo. Tie ĉi ni klopodas krei taŭgajn armilojn por la tuta esperantistaro: lastan printempon, la Ĝeneva konferenco, por la lernejoj; tiun ĉi aŭtunon, la raporto de la Ligo, por la registaroj; nun ni devas nin turni al komerco. La Centra Komitato decidis, ke okazu teknika konferenco pri tiu temo, la venontan printempon.

Ni vojaĝis al diversaj lokoj por elekti la plej taŭgan. Konsente kun la Itala Federacio, kaj la loka grupo „Zamenhof" UEA oficiale kunvokos tiun konferencon en Venezio dum la paska libertempo (28a marto — 4a aprilo). La Konferenco okazos sub alta protekto de la Venezia Komerca Ĉambro kaj en ĝia sidejo. Ankaŭ la Svisa Esperanta Societo proponis al la K. R. (konstanta reprezentantaro de la Naciaj Societoj) ke ĝi havu tie sian unuan kunsidon. Estus same dezirinde ke la C. K. (centra komitato) profitu la saman okazon por kunsidi tie unu aŭ du tagojn pli frue.

La 100 aŭ 150 oficialaj delegitoj, kiuj venos Venezion neniom forprenos el la antaŭvidebla granda sukceso de la

XVa Universala Kongreso en Nürnberg, kie ni dezirus vidi milojn da samideanoj, kiel en Praha. Niaj germanaj amikoj tre noble montris sin pretaj rezigni la inviton al sia lando se la italoj estus pretaj organizi la XVan. La Itala Federacio ne opiniis tion ebla. Nun en Nürnberg oni laboras energie kaj metode. Ni ĉiuj veturos tien grandamase en aŭgusto por havi nian plej multnombran popolfeston en Esperantujo.

Dumĝise, ĉe pasko, niaj gvidantoj kaj ĉiuj specialistoj de komerco kaj turismo renkontiĝos en Venezia por labori.

La loko estas tiel ĉarma, reva kaj rava, ke multaj familianoj volos ankaŭ ĝin viziti kune. Nu, la Vendredon Sanktan kaj la Dimanĉon Paskan oni fermos ĉiujn komitatojn por ke almenaŭ la plenajn tagojn ĉiuj povu pace ĝui la mirindan belecon de San Marko, la placon kun la kolomboj, la antikvan dukpalacon, la Ponton de l' Sopiroj kaj ĉefe la dolĉan glitadon sur Kanal' granda inter feaj palacoj.

La kunsidoj okazos en la komerca ĉambro kaj ankaŭ en la salonegoj de la Hotelo Wagner, sur la insulo Lido, kie loĝos kaj manĝos la tuta konferencanaro po 30 liroj tage. De nun ni alvokas ĉiujn partoprenontojn, ke ili sendu tuj sian nomon al UEA kaj klopodu akiri oficialan delegitecon, ĉu de komerca ĉambro, de komerca lernejo, de komerca asocio, de komerca, fervoja aŭ poŝta ministrejo, de turista oficejo aŭ organizajo, de foiro internacia aŭ nacia.

Samtempe ni alvokas al ĉiuj naciaj societoj, lokaj grupoj kaj delegitoj, ke ili grupigu kaj klasigu precizajn faktojn kaj dokumentojn pri praktika uzado de Esperanto en komerco kaj turismo. Statistiko kaj ekspozicio devos esti preparataj por ke la konferenco povu poste publikigi efikan raporton, kiu servos kiel taŭga propagandilo ĉe komercaj rondoj.

La sukceso de la Venezia konferenco povos havi sekvojn eĉ multe pli gravajn ol ia rekomendo de la Ligo de Nacioj La Internacia Komerca Ĉambraro kunsidos en Romo ĝuste antaŭe kaj ni devos montri al la trapasantaj delegitoj la valoron de uzata mondlingvo.

Tiu nova paĝo en nia historio meritas ĉies subtenon. Por ĝin sukcesigi ni bezonas personajn oferojn, ĉu per partopreno, ĉu per donacado. Tri mil svisaj frankoj estas nepre necesaj same kiel por la Ĝeneva konferenco. Ilin ni trovis lastan jaron per bonvola kolektado. Ilin ni trovos denove tiun ĉi jaron per la sama procedo. Nia gazeto de nun malfermas publikan liston por tiu celo.

Ni dankas antaŭe ĉiujn donacontojn. Ilia mono estos uzata ŝpare kaj efike. Ni estas en plena milito. Nun al laboro kaj al Venezia! Esperanto por komerco kaj turismo!

*Edmond Privat.*

## Ni uzu niajn pacajn armilojn!

**La Raporto de la Konferenco pri Esperanto en lernejoj kaj la Raporto de la Ligo de Nacioj estas veraj armiloj por la paca batalo por Esperanto. Propagandistoj, grupoj, naciaj societoj grandare uzu ilin! Vidu detalojn sur lasta paĝo!**

# La Internacia Laboroficejo.

**Parolado farita en Esperanto de S-ro C. C. Tarelli,**
oficiala reprezentanto de la Internacia Laboroficejo dum la XIVa Kongreso en Helsinki.

Sinjoro Prezidanto, sinjorinoj kaj sinjoroj!

Mi bezonos vian tutan bonvolon kaj vian tutan indulgon pro la grandaj neperfektaĵoj kiujn certe montros mia parolado. Mi estas nur komencanta esperantisto, kaj se mi sukcesos interesi vin kaj klarigi al vi la celojn kaj agadon de la Internacia Laboroficejo, tio prezentos konvinkan pruvon samtempe de la facileco kaj esprimotaŭgeco de via lingvo kaj de la vera intereso kiun prenas pri ĝi la Internacia Labora Oficejo.

Bone konata de ĉiuj estas la movado por labora leĝdono kiu en la daŭro de la lasta jarcento disvolviĝis en ĉiuj industriaj landoj, movado naskita parte de homama sento vekita de la peniga sorto de tiom el la kreantoj de la socia riĉeco, parte de la ĉiam kreskanta memkonscio de la laborista klaso. Ĝi celis interalie regularigi la laborhorojn, starigante maksimuman daŭron de la labortago kaj laborsemajno, regularigi la laborprovizon, batali kontraŭ senlaboreco, garantii vivtaŭgan salajron, protekti laboristojn kontraŭ profesiaj malsanoj kaj laborakcidentoj, protekti infanojn, geknabojn kaj virinojn, prizorgi pri maljuneco kaj invalideco, certigi liberecon je asociado, organizi profesian kaj teknikan instruadon. La klopodoj je tiuj kaj similaj aranĝoj progresis pli malpli en diversaj landoj. Sed kun la pliboniĝo de la maŝinaro kaj de la transportrimedoj, kun la plivastiĝo de la tutmonda komerco, la laboraj problemoj fariĝis pli kaj pli internaciaj problemoj. La industriistoj de unu lando eble bonvolas certigi bonajn kondiĉojn al siaj laboristoj sed ne povas ĝin fari ne perdante sian partoprenon en la tutmondaj komercejoj sekve de la pligrandiĝo de la produktokostoj. En la vortoj de la Packontrakto, la malakcepto ĉe iu ajn nacio de labora reĝimo vere homa, kontraŭstaras la klopodojn de la ceteraj nacioj dezirantaj plibonigi la sorton de la laboristoj en siaj propraj landoj. Sekve la deziro havigi internacian interkonsenton koncerne laborkondiĉoj tre frue aperis kaj konstante kreskis ĉe la amikoj de labora leĝdono. En 1818 Robert Owen prezentis al la kunvenintoj en la kongreso de Aachen peton proponantan internacian limigon de laborhoroj. Ne estas necese diri ke la propono ne estis akceptata. Inter la jaroj 1840 kaj 1857 Elsaca industriisto Daniel Legrand per petoj kaj aliaj komunikoj prezentitaj al la eŭropaj registaroj kaj gazetaro proponis internacian interkonsenton pri la laboro de infanoj kaj virinoj, pri la laborhoroj, ripozoj, malsanigaj kaj danĝeraj metioj ktp.

Tiaspecaj proponoj ripetiĝis dum la sekvintaj jaroj en Svisio, Belgio, Germanio, eldonitaj de komisionoj, kongresoj kaj profesoroj, inter ili la fama juristo Bluntschli kaj la fama ekonomisto Brentano. La naskiĝo de la internacia sindikata movado en 1866 kaj ĝia posta rimarkinda kresko sendube multe influis la aferon, sed la historio de tiu movado estas tute alia. De 1871 la germana kaj aŭstria registaroj provis sen sukceso aranĝi interkonsenton fiksantan normojn de labora leĝdonado. En la sekvantaj jaroj la svisa registaro traktis kun diversaj por havigi internaciajn fabrikajn leĝojn. Tiuj ĉi klopodoj malsukcesis, sed fine en 1899 la svisa registaro proponis al la aliaj eŭropaj registaroj kunvenigi internacian konferencon por diskuti laborajn rimedojn. Oni proponis kunvenigi tian konferencon en Bern en 1890, sed intertempe la germana imperiestro eldonis reskripton proponantan internacian laboran konferencon kaj fine la konferenco kunvenis en Berlin la 15an de marto 1890. 15 Ŝtatoj estis reprezentitaj. La konferenco estis nur konsilanta. Ĝi

povis nur rekomendi aranĝojn por eblaj estontaj kontraktoj. Ĝi havis neniun direktan rezultaton, sed indirekte naskigis la Internacian Asocion por la leĝa protekto de la laboro. Tiu ĉi Asocio estis fondita de grupo de ekonomistoj kunvenintaj en Parizo dum la Internacia Ekspozicio de 1900 kaj celis kunvenigi la personojn en diversaj landoj kredantajn je la neceseco de la leĝa protekto de laboristoj. Ĝi starigis Internacian Laboran Oficejon en Basel kiu publikigis bultenon enhavantan tekstojn de laboraj leĝoj de diversaj landoj. Ĝi ankaŭ preparis la programon de la sekvantaj internaciaj konferencoj. La sekvanta internacia labora konferenco, alvokata de la svisa registaro laŭ peto de la Internacia Asocio, kunvenis en Bern en majo 1905. Ĝi ankaŭ estis nur konsilanta. Ĝi balotis du projektojn de konvencioj, unu malpermesante la uzon de blanka fosforo en alumetoj, la alia malpermesante la okupadon de virinoj en nokta laboro. En la konferenco de plenpovuloj kunveninta en Bern en septembro 1906 por decidi la konvenciojn projektitajn de la konsilanta konferenco, 14 ŝtatoj subskribis la konvencion malpermesante noktan laboron por virinoj kaj nur 7 subskribis la konvencion malpermesante uzon de blanka fosforo. En 1914 dek registaroj estis konfirmintaj ĉiun el tiuj konvencioj.

Alia konferenco konsilanta kunvenis en Bern en septembro 1913, kaj projektis du konvenciojn, unu malpermesante noktan laboron por infanoj kaj geknaboj, la alian fiksante dekhoran labortagon por virinoj. La interveno de la mondmilito malebligis la kunvenigon de plenpova konferenco por decidi pri tiuj ĉi konvencioj.

Tiaj estis la klopodoj je internacia reguligo de laborkondiĉoj ĝis la komenco de la milito. La progreso ne ŝajnas tre rapida nek la rezultatoj tre grandaj. Estas klare ke mankis organizo taŭga por la tasko. La sento de tiu manko kreskis dum la milito kaj kreskis ankaŭ, ĉefe ĉe la organizitaj laboristoj, la decido uzi la okazon de la internaciaj negocoj kiuj estis sekvintaj la militon por starigi pli efikan organizon. La interalianca sindikata konferenco en Leeds en 1916 postulis la kreon de internacia laborkomisiono kun celo kontroli la aplikon de la leĝoj pri socia asekuro, pri laboristaj migradoj, pri laborhoroj, pri higieno kaj pri protekto kontraŭ akcidentoj; ĝi postulis ankaŭ la kreon de Internacia Labora Oficejo. La Stockholma sindikata Konferenco en 1917 aliĝis al tiu peto, kaj la Berna Konferenco en 1919 postulis *Internacian Ĉarton pri Laboro* aplikotan per Internacia Labora Oficejo.

Fine ĉesis la milito kaj la Paca Konferenco kunvenis en Parizo. La konferenco nomis Komisionon pri Internacia Labora Leĝdonado, kiu kune kun oficialaj personoj enhavis ĉefojn de la laborista movado kiel Barnes, Jouhaux kaj Gompers. Rezultato de la laboroj de tiu komisiono estas la XIII^a^ Parto de la Packontrakto de Versailles.

Tiu ĉi XIII^a^ Parto deklaras ke universala paco povas esti bazita nur sur fundamento de socia justeco, ke ekzistas laborkondiĉoj trudantaj al granda nombro da homoj tian maljustecon, mizeron kaj mankojn ke ili produktas malkontentecon tiel grandan ke la tutmonda paco kaj konkordo estas minacataj, kaj ke urĝe estas plibonigi tiujn kondiĉojn.

Por realigi tiun programon la XIII^a^ Parto deklaras esti fondita daŭra labora organizo. La fondaj membroj de la Ligo de Nacioj estos fondaj membroj de tiu organizo, kaj estonte la aneco al la Ligo enhavigos per si mem ankaŭ anecon al la dirita organizo. La daŭra organizo enhavos: 1^e^ Ĝeneralan Konferencon el la reprezentantoj de la membroj; 2^e^ Internacian Laboran Oficejon.

La kunvenoj de la ĝenerala konferenco devas esti kunvokataj almenaŭ unufoje ĉiujare. Ĝi konsistas el kvar reprezentantoj de ĉiu membro: du registaraj delegitoj, unu mastra delegito kaj unu laborista delegito. La mastraj kaj laboristaj delegitoj devas esti elektataj konsente kun la organizoj plej reprezentaj de la mastroj kaj laboristoj en la respektivaj landoj. La delegitoj voĉdonas individue.

La Internacia Labora Oficejo, kiu estas starigita en la sido de la Ligo de Nacioj kiel parto de la organizo de la Ligo, estas sub direkto de Administra Konsilantaro konsistanta el 24 personoj, 12 reprezentantaj la registarojn, 6 elektitaj de la mastraj delegitoj al la konferenco kaj 6 elektitaj de la laboristaj delegitoj. Estas funkcio de la Oficejo kolekti kaj disvastigi informojn pri ĉiuj temoj rilataj al internacia reguligo de kondiĉoj de industria vivo kaj laboro, kaj speciale ekzameni ĉiujn temojn proponatajn por esti prezentataj al la konferenco. Ĝi preparas la *agendo* de la konferenco.

La konferenco povas doni al siaj decidoj la formon de projektoj de konvencioj aŭ la formon de rekomendoj. Projekto de konvencio kiam konfirmita de iu ajn ŝtato fariĝas rilate al tiu ŝtato konvencio aŭ kontrakto kun ĉiuj aliaj ŝtatoj-membroj de la konferenco. Rekomendo nur rekomendas al la ŝtatoj enkonduki certajn rimedojn per leĝdono aŭ aliamaniere. Ĉiu membro devigas sin, en la tempolimo de unu jaro (aŭ escepte 18 monatoj) post la fino de la konferenco, proponi la rekomendon aŭ projekton de konvencio al la aŭtoritato aŭ aŭtoritatoj kompetentaj por leĝdono aŭ alia ago. La Packontrakto ebligas la membrojn adopti ekonomiajn sankciojn kontraŭ ŝtatoj malplenumantaj konvenciojn kiujn ili konfirmis.

La Packontrakto ankaŭ indikas jenajn punktojn kiel principoj speciale urĝaj kaj gravaj kiujn ĉiuj industriaj komunumoj devus peni apliki tiam kiam ĝin ebligus la specialaj cirkonstancoj en kiuj ili povus troviĝi:

1^e^ La funda principo ke la laboro ne devas esti konsiderata simple kiel komercaĵo.

2^e^ La rajto je asociado por ĉiuj celoj ne kontraŭaj al la leĝoj, same por la salajratoj kiel por la dungantoj.

3^e^ La pago de salajro certiganta al laboristoj taŭgan vivkondiĉon tian, kian oni komprenas ĝin en ilia lando kaj tempo.

4^e^ La akcepto de okhora taglaboro aŭ de 48-hora semajno ĉie kie tiu celo ankoraŭ ne estas atingita.

5^e^ La akcepto de semajna ripozo minimume 24-hora, kiu devus enteni dimanĉon ĉiufoje kiam estos eble.

6^e^ La malpermeso al infanlaboro kaj la devigo doni al la laboro de gejunuloj la necesajn limigojn por ebligi, ke ili daŭrigu sian edukadon kaj por certigi ilian fizikan disvolviĝon.

7^e^ La principo de sama salajro al ambaŭ seksoj por samvalora laboro.

8^e^ La normo leĝe starigita en ĉiu lando pri la laborkondiĉoj devos certigi justan ekonomian traktadon al ĉiuj laboristoj laŭleĝe loĝantaj en la lando.

9^e^ Ĉiu ŝtato devos organizi inspektan servon, en kiu partoprenos virinoj, por certigi la aplikon de leĝoj kaj reguloj por la protekto de laboristoj.

Tia estas la internacia labora organizo kreita de la Packontrakto. Tiu funkcias nun de tri jaroj kaj tri konferencoj okazis dum tiu tempo. La unua kunvenis en Washington en 1919 kaj tuj decidis aldoni Germanion al la membroj de la organizo. La konferenco en Washington balotis ses projektojn de konvencioj: pri okhora daŭro de laboro tage kaj 48-hora semajne; pri senlaboreco; pri laboro de virinoj antaŭ kaj post akuŝo; pri nokta laboro de virinoj; pri minimuma aĝo por allasi infanojn al industria laboro; pri nokta laboro de infanoj en industrio; kaj ses rekomendojn: pri dungoficejoj; pri reciprokeco je traktado al eksterlandaj laboristoj; pri antaŭrimedoj kontraŭ karbunkolo; pri protekto de virinoj kaj infanoj kontraŭ plumba venenado; pri kreo de publika higiena organizo; pri apliko de la Berna konvencio pri malpermeso de blanka fosforo.

La dua konferenco kunvenis en Ĝenova en 1920 kaj sin okupis ĉefe pri la apliko al la maristoj de la Washingtona leĝdono. Ĝi balotis tri projektojn de konvencioj kaj kvar rekomendojn: projektojn de konvencioj pri la minimuma aĝo por allasi infanojn al marŝipa laboro; pri la kompenspago por senlaboreco okaze de ŝipopereo; kaj pri la dungo de maristoj; rekomendojn por limigi laborhorojn en la fiŝkapta industrio; por limigi laborhorojn en la enlanda ŝipirado; por starigi naciajn maristajn statutojn kaj por asekuri maristojn kontraŭ senlaboreco.

La tria konferenco kunvenis en Genève en 1921 kaj klopodis inter aliaj aferoj pri la interesoj de la kamplaboristoj. Ĝi voĉdonis sep projektojn de konvencioj kaj ok rekomendojn. La projektoj de konvencioj koncernas: la aĝon por allasi infanojn al kamplaboro; la rajtojn de la kamplaboristoj je asociado kaj unuiĝo; la kompenson okaze de laborakcidento en terkulturado; la uzon de plumboblanko en pentrado; la semajnan tagripozon en industriaj entreprenoj; la minimuman aĝon por allasi junuloj al laboro kiel hejtistoj kaj karbordigistoj; kaj la devigan kuracistan ekzamenon de infanoj kaj junuloj okupataj surŝipe. La rekomendoj koncernas: la antaŭforigon de senlaboreco en terkulturado; la protekton de virinoj salajrataj en kampkulturo antaŭ kaj post akuŝo; la noktan laboron de virinoj en terkulturado; la noktan laboron de infanoj kaj junuloj en terkulturado; la disvolviĝon de teknika terkultura instruado; la loĝejojn kaj dormejojn de kamplaboristoj; la socialajn asekurojn en terkulturado; kaj la semajnan tagripozon en komercaj establaĵoj.

Tiu ĉi serio de rimedoj, komparitaj kun la antaŭaj klopodoj, ŝajnas kaj vere estas vasta. Sed voĉdoni rekomendojn kaj projektojn de konvencioj estas nur komenci. Sekvas la konfirmoj kaj la nacia leĝdono aplikanta la regulojn adoptitajn. Tie ĉi la progreso eble ne estas tiel rapida kiel oni povus esperi. La ekonomia situacio en ĉiuj landoj kaŭzas multajn malfacilaĵojn kaj malhelpojn, vekas multajn kontraŭstarojn kaj ŝanceliĝojn. Tamen, kiam oni konsideras tiujn ĉi cirkonstancojn kaj rememoras la malrapidan iron de la konfirmoj de la Bernaj konvencioj, oni devas rekoni la grandan efikon de la nova organizo. Ĝis marto de ĉi tiu jaro 38 konfirmoj estis registritaj ĉe la Ĝenerala Sekretario de la Ligo de Nacioj, 10 pluaj ŝtatoj estis konfirmintaj la Bernan konvencion pri blanka fosforo, 84 leĝoj estis adoptitaj por la konfirmo de konvencioj, kaj 117 projektoj de leĝoj estis preparitaj havantaj la saman celon. Tio ĉi certe sufiĉas por pruvi ke la internacia labora organizo ne estas senutila institucio.

La Internacia Labora Oficejo, kiu nun okupas pli ol 300 oficistojn el 27 nacioj, sub la direkto de la genia kaj energia viro Albert Thomas, laboras senĉese je la preparado de la konferencoj kaj la vasta korespondo kun registaroj kaj organizoj koncerne la konfirmon de la decidoj. Ĝi ankaŭ sin okupas pri multaj gravaj studoj kaj enketoj kaj pri kolekto kaj disvastigo de informoj rilataj al laborkondiĉoj. Ĝi eldonas semajnan gazeton, monatan bultenon, monatan revuon, serion de tekstoj de leĝoj, kaj multajn aliajn publikigaĵojn. Ĉiuj tiuj ĉi eldonaĵoj estas presataj en angla kaj franca lingvo, multaj ankaŭ en germana kaj kelkaj en aliaj lingvoj.

Tiel ni alvenas al la rilatoj de la Internacia Labora Oficejo kun la esperanta movado. La tasko de la Oficejo disvastigi informojn inter diversaj nacioj kaj kunigi diverslingvajn personojn faras ĝin tre sentema por la ebla valoro de internacia helplingvo. Ĝi frue interesiĝis pri tiu ĉi afero kaj la esperantistoj siaparte kaj speciale la UEA ne mankis al bonservoj kaj sugestioj kiujn bonakceptis la Oficejo. Ĝi akceptis inviton sin reprezentigi en la Universala Kongreso en Praha kie ĝia reprezentanto S-ro Blumel ricevis vivan impreson pri la utileco de la lingvo kaj la graveco de la movado. Preskaŭ tuj post la kongreso la Oficejo decidis eldoni foliojn en Esperanto pri la Internacia Labora Organizo. La UEA sub la inspiro de ĝia vic-prezidanto S-ro Privat donis netakseblan helpon en tiu ĉi entrepreno, tradukante la foliojn en Esperanto, dissendante ilin al siaj delegitoj kaj liverante oficistan servon por trakti la rezultantan korespondon. Samtempe kelkaj oficistoj de la Laboroficejo komencis lerni Esperanton.

Multaj el la delegitoj tradukis la Esperantajn foliojn plene aŭ parte en iliaj gepatraj lingvoj kaj publikigis ilin en naciaj gazetoj. Ekzemple Alĝeria Gazeto eldonis franclingvan artikolon kiu estis preskaŭ kompleta traduko el Esperanta folio kaj montris frapantan similecon al la franclingva teksto el kiu la folio estis tradukita. Tio ŝajnas ne senvalora kiel respondo al certaj kritikoj kiujn mi vidis devenintaj de partianoj de aliaj helplingvoj. Rezulte de la disvastigo de tiuj folioj la Oficejo ricevis leterojn de la plej diversaj mondregionoj, de Anglio, de Usono, de Ĉeĥoslovakio, de Rusio kaj vere interesa demando pri informo venis de Tchita en la Ekstremorienta Respubliko. Ne restas dubo pri la valoro de Esperanto kiel pero por konigi la celon kaj la laboron de nia organizo.

En la Konferenco en Genève delegitoj franca kaj japana proponis rezolucion rekomendantan pli grandan uzon de Esperanto. Tiun ĉi proponon la komisiono de proponoj decidis transigi al la Oficejo, konsiderante ke la Administra Konsilantaro jam rajtigis la uzon de lingvoj ne oficialaj (lingvoj oficialaj estas angla kaj franca lingvoj) en la eldonaĵoj de la Oficejo. La Konferenco bonakceptis la proponon de D-ro Privat alparoli al la delegitoj kaj li parolis en speciala kunveno la 18an de novembro 1921. La kunveno decidis raporti la paroladon en la protokolo de la Konferenco.

La Internacia Labora Oficejo sendis reprezentanton al la inaŭguracio de la surskribo fiksita sur la domo n-ro 6 rue du Vieux Collège, Genève por memorigi la tiean restadon de D-ro Zamenhof. Ĝi ankaŭ reprezentiĝis en la Internacia konferenco pri la instruo de Esperanto en lernejoj kunveninta en la Sekretariejo de la Ligo de Nacioj 18an—20an de aprilo 1922. En la printempo de la unua jaro kursoj de Esperanto estis donataj de la UEA en la Oficejo al membroj de la oficistaro.

La Internacia Labora Oficejo intencas daŭrigi la uzon de Esperanto. La lastan laboron kiun mi faris antaŭ ol mi foriris el Genève estis korekti la presprovaĵojn de la 4a folio en Esperanto pri la Laboroficejo.*) La Oficejo sendas du- aŭ trifoje ĉiusemajne al la gazetaro de la tutmondo komunikon en diversaj lingvoj pri la farado de la Internacia Labora Organizo kaj la plej gravaj okazoj rilataj al la internacia labora leĝdono. Post nelonge tiuj ĉi komunikoj estos eldonataj ankaŭ en Esperanto kaj sendataj al la plej gravaj esperantaj gazetoj.

Ĉio tio montras, mi kredas, ke la Internacia Labora Oficejo bone rekonas kaj ŝatas la valoron de la klopodo al internacia interkompreno je kiu sin dediĉas la esperantistoj. Mi estas konvinkita ke la esperantistoj sindonintaj al tia laboro komprenos kaj ŝatos la grandan klopodon kaj la grandan progreson je socia justeco kaj paco kiun reprezentas la Internacia Labora Organizo.

*C. C. Tarelli.*

*) Tiu folio kaj la tri antaŭaj estas senpage sendataj. Oni petu ilin en Esperanto laŭ jena adreso: „Bureau International du Travail", Genève.

---

# Psikista serĉado.

## La Enigmo de la Vivoforto.

En sia verko titolata „La nuna vidpunkto de la evoluteorio“ D-ro Lodsy el Haarlem skribas i. a.: la demando pri la ekekzisto de la vivo fariĝas do ĥemia demando kiu povas esti respondata nur tiam, kiam ni povas fari sinteze la komplikan ĥemian ŝtofon, kiu montras la vivfenomenojn. — La unua demando estas tiam, kiafan ŝtofon ni devas fari por tio, kaj la respondo estas: „tre komplikitajn albuminŝtofojn, ĉar estas ja certe ke la fenomenoj de vivo estas ligataj al albuminŝtofo“. La diro de tiu eminenta doktoro, kiu post multaj kaj longdaŭraj eksperimentoj en sia propra pruvĝardeno en Hillegom sukcesis almontri ke la demando de la evoluteorio ne plu estas demando, sed ke evoluo estas fakto certe meritas la gravan atenton de ĉiuj kiuj serĉas klarigon pri la okulta vivforto.

Tamen ni ne estas konvinkataj ke la fenomenoj de la vivo estas ligataj al albuminŝtofoj! Propra eksperimento pruvis al ni ke pensanta forto povas — sendepende de la limo de la homa korpo laŭ propra volo fari kontakton per helpo de galvana fluo, tial ke signoj estas donitaj per elektra sonorilo, la distanco inter la korpo kaj la aparato estante kvin ĝis ses metroj. Alia eksperimento montris al ni ke tiu okulta forto posedas psikometriajn ecojn kaj povas observi pens-impresojn kunirante la faldo de folio en libro, kvankam tiu faldo jam estas metita antaŭ ses jaroj. Tiu pruvo atestas bone la diron de Prentice Mulford „Pensoj estas aĵoj!“ kaj ŝajnas esti necese ke ni trastreku en niaj lernolibroj kelkajn vortojn troviĝantaj en la rubriko „abstrakta“ kaj metu ilin en la rubrikon „konkreta“. Same kiel en nia eksperimento la impreso de la penso estis konservata en la faldo de la folio, same ekzistas empresi la bildon de unu aŭ alia objekto senpere per la forto de la volo. Tiu eksperimento faris Lefranc kiu preparis la vitron en emulsio de laktika-acida arĝento.[1]) Estas interese rimarki ke la ebleco observi la pensojn, la moralan staton de aliaj personoj ankaŭ ekzistas ĉe psikometristoj. Ni ŝuldas al Edmond Duchatel[2]) tre interesajn raportojn pri tiuj faktoj. En lia verko li priskribas eksperimenton kun letero sendita de St. Jean de Luz al Parizo. La unua psikometristo Madme F. priskribis, kiam ŝi per helpo de tiu letero akiris kontakton, la personon al kiu la letero estis adresata, kaj du tagoj poste alia psikometristo Madme L. F. priskribis la personon kiu forsendis la leteron.

Pli interesa tamen estas la fakto, ke Madme F. dum eksperimento kun alia letero priskribis ekzakte la personon kiu skribis la leteron dum kvin tagojn poste Madme L. F. per helpo de la sama letero nek priskribas la skribanton, nek la ricevanton sed trian personon kiu loĝis en la sama apartemento antaŭ ol la persono kiu skribis la leteron loĝis tie! Eksperimentoj de Reichenbach montras ke t. n. sensitivaj personoj povas distingi en malluma ĉambro diverskoloran lumon radiantan el magneto, kristalo, plantoj kaj el la homa korpo, kaj eksperimentoj de Alb. de Rochas[3]) pruvas ke tiu elradiado komunikiĝas al objektoj aŭ al persono kiu estas metita en kontakto, tiel se oni prenas fotografaĵon de persono estante en somnambula stato, ĉiu difektigo de tiu bildo suferigas je la sama loko la korpon de la somnambulo.

La somnambula stato disasocias la personecon tial ke la mieco sencula estas subpremita per la transcendentala mieco.[4]) Ke la du diversaj statoj samtempe ekzistas en la korpo montras al ni la raportoj de multaj homoj estante dum momento en vivdanĝero. Tiam en fulma rapideco la filmo de ilia vivo trakuras la vidnervojn, la sama okazas ĉe multaj mortantoj. Kvankam en normala stato la homo ŝajne forgesas la travivaĵojn, ili ne perdiĝas. Kiam la transcendentala mieco ekvekas, ĝi entenas ĉiujn vivokazintaĵojn de la pasinto.

En somnambula stato ankaŭ troviĝas tiuj personoj, kiuj dum nokto promenas. Ne estas la konscia mieco kiu tiam movigas la muskolojn. Estas klara pruvo de la kapableco de nia transcendentala mieco, kiu sentime kondukas la korpon super tegmentoj kaj muroj kaj kiu ŝatas la noktan mallumon. Ju pli riĉa la korpo enhavas la radiantan forton des pli facile ekzistas ebleco ke okazas fenomenoj kiuj estas pririgardataj kiel supernaturaj! Kiel arĝentan fadenon ni trovas en la homa historio la faktojn kiuj neklarigeblaj per la tiam konataj leĝoj de la naturo, rilatas al la fenomenoj okazantaj dum la somnambula stato. Sed estas kompreneble ke oni ne povas mezuri dimensiojn se oni ne posedas la necesajn akordiĝantajn mezurilojn. Bedaŭrinde estas ke la solvon de tiuj enigmoj antaŭiras ĉiam multa perdo de sango.

Ankaŭ la nuntempa scienco devas konfesi ke ĝi eraris[5]) akceptinte du diversajn kaj separajn leĝojn — tian de la konservo de energio kaj tian de la konservo de ŝtofo, ke ĝi devas ĝin anstataŭi per leĝo kiu entenos ambaŭ. Sed tiu nova komprenota naturleĝo solvos la problemon de la transcendentalaj fenomenoj kiuj en la malnova oficiala scienco ne povis ekzisti oficiale, ĝi komprenigas al ni multe pli facile la alternecon de la personeco pristudata i. a. per D-ro Ribot kaj D-ro Morton Prince[6]) kaj ĝi montras al ni ke la vorto ĥemio, kvankam D-ro Lodsy pensas ke ĝi solvas la enigmon de la vivforto, nur estas esprimo por klarigi la malnovan formulonu zatan de Konfuzio: Ke la rekta linio (unueco) partiĝanta, kaŭzas la multecon de la formoj.

1) Friedr. Firchow: „Die Photographie des Gedankens“.
2) Edmond Duchatel: „La vue à Distance“.
3) Alb. de Rochas: „L'Extériorisation de la sensibilité“.
4) D-ro Karl du Prel: „Die Philosophie der Mystik“.
5) Ed. E. Hosson: „The Independant“, May 13 th N-ro 445.
6) D-ro Morton Prince: „The disassociation of a personality“.

# Pri birda flugo.

En la julia-aŭgusta numero de „Esperanto“, sub rubriko „Scienco“, troviĝas longa artikolo pri „mova kaj fluga organo“, laŭ kiu la verkanto konvinkiĝis ke, por klarigi la flugadon de birdoj, oni devas imagi tute nebezonan misteran flugorganon. Li diras „Ĉi tiu organo estas ne io alia ol speco de radioj, kvazaŭ nevideblaj nervoj eteraj aŭ fluidaj ktp.“ „Per helpo de flugiloj kaj direktiloj mem ne estus eble al ĝi plenumi tiajn subitajn evoluojn. Do ne flugiloj mem agadas tie ĉi ktp.“ Neniu pruvo, nur asertoj.

Nu, estas vere ke, se oni aplikas la ĝis nun konatajn regulojn pri la kontraŭstaro de la aero al vivaj estaĵoj, kiuj kapablas flugi, oni preskaŭ konkludas, ke la flugado estas, se neeble, almenaŭ tre malfacile efektivigebla. Feliĉe, antaŭ du jaroj aperis bonega verko de S-ro Oehmichen (inĝeniero ĉe Peugeot Kio.) (Nos maîtres les oiseaux) kiu elmetis detalan, kaj de multegaj eksperimentoj pravigitan, teorion pri kiel flugas, ne nur la birdoj, sed ankaŭ insektoj, kaj klarigis kiel, ĉe la fino de ĉiu pulsbato, la agmaniero de la flugiloj ebligas la reakiron de energio de la aera ondo, kiun ilin sekvas. Plej interesa estas lia uzado de la stroboskopo, per kiu oni povas studi ĉiun movadon, ekz. ĉe nokta papilio, kvazaŭ la flugiloj tre malrapide moviĝus, kvankam ili vibradas tiel rapidege, ke aŭdiĝas vera zumado.

*G. M. Hayton* (Britlando).

*

### Denove pri birda flugo.

La artikolo de S-ro Jan Kaszycki en la numero de julioaŭgusto min tre interesis. Ĉar mi konstatas ke li sin tre okupas pri studado de birdoj, ĉu estus al mi permesite fari demandon kies respondo eble interesos multajn legantojn? Jen la demando: Kie la birdoj mortas? Unuavide tiu demando povas ŝajni infana,

sed ĉu oni jam rimarkis ke neniam oni renkontas en urboj aŭ kamparoj kadavrojn de birdoj? Mi parolas komprenenble pri niaj komunaj birdoj, paseroj, hirundoj ktp., kiuj vivadas kun ni en urboj. Se mi okaze vidis birdan kadavron ĝi ne estis pro aĝo mortinta, sed ĉiam akcidente. Tre interese estus al mi scii kie rifuĝas la birdoj por morti. Antaŭan dankon por la respondo.

*F. La Gravière* (Belgio).

## Usona Edukistaro enketas pri Edukado Internacia.

Dum la unua semajno de julio (2a—8a) okazis en Boston kongreso de „National Educational Association" la plej granda asocio de edukistoj en Usono. Ĉirkaŭ sesmil ĉeestis la kunvenojn spite de fervojista striko kaj malbona vetero. Inter aliaj aferoj — ekz., propono por tutnacia monhelpo al edukado, ĝis nun nur ŝtata aŭ loka afero — oni tuŝis la aferon de internacia edukado. Ĉe flanka kunveno de la „American Classical Association" en Faneuil Hall, prof. Roland G. Kent paroladis por Latino kiel internacia helplingvo. Inter aliaj argumentoj li mallaŭdis Esperanton (kiun li konas nur laŭ tralegado de lernolibro; li diris ke li neniam ĉeestis kunvenon de esperantistoj). Efektive li estis nur advokato kun teoria tezo, sed sen larĝa scio pri Esperanto kaj ĝia programo. Pri Latino li konfesis ke estas necese forigi la nunan kaj starigi tute alian pli simplan Latinon; kian li ne diris! La esperantistoj ne havis oportunon respondi rekte, sed tion povis flanke D-ro Lowell, L. K., ĉe N. E. A.-Komitato pri Fremdaj Rilatoj.

La Nacia Eduka Asocio estas projektanta gravan paŝon al internacieco por la venonta kunveno, kiam ili esperas igi ĉefpunkton de la programo „edukadon tutmondan". Por tio, pere de la registaro usona kaj fremdaj registaroj, la Komitato pri Fremdaj Rilatoj nun interrilatas. La nomita komitato kunvenis dufoje dum la lastatempa kongreso en malfermaj kunsidoj. Laŭ la tiea protokolo:

En la studado pri tutmonda edukado partoprenas la N. E. A. (ĉirkaŭ 750,000 usonaj instruistoj), ankaŭ 50 aliaj organizoj interesitaj: la Junula Ruĝa Kruco; la Ligo de Usonaj Universitatoj; la Instituto de Internacia Esplorado: la Internaciaj Froebel-edukistoj ktp., ktp. Laŭ la anoncita programo, oni celas:

1. antaŭenigi pacon kaj amikecon.
2. „ tutmondan toleradon de ĉies rajto.
3. „ estimadon por la valoraj heredaĵoj de ĉiu nacio.
4. „ pli ĝustan informon pri fremdaj landoj en la lernolibroj.
5. „ internaciajn konferencojn kaj fidon.
6. „ eneduki al la infanoj spiritajn ecojn.
7. „ plifirmigi tra la tuta mondo la efektivan unuecon de homaro, kaj atentigi al la benoj de paco; la malbenoj de milito.

Tion oni esperas efektivigi per sekvantaj metodoj:

1. instruo por internacia civila administrado - civitaneco. Oni bezonas sufiĉe plenan lernolibron, kiu montras faktojn en justa proporcio — la nunaj kinematografaj filmoj, kaj precipe tiuj, kiujn oni sendas al fremdlando ĉar ili kontraŭleĝaj en Usono mem, kutime elektas krimojn, kaj portas malveran bildon de usona vivado. (Kinematografon kiel instruilon jam posedas multaj lernejoj);

2. organizado de la uzota tekstaro por lernolibroj donante pli ĝustan komprenon de la ĉefaj ecoj kaj idealoj de la nacioj. Oni citis la kontrastajn historiojn pri usona-meksikaj malpacoj;

3. internacia interŝanĝado de instruistoj kaj de lernantoj;

4. programo por ĉiuhoma edukado kaj kondutado;

5. internacia interŝanĝado de artikoloj pri edukado, kiuj klarigas programojn kaj metodojn;

6. elekto de definita tago, kiu estu ĉiujare la „Tutmonda Amikeco Tago".

La ĉi-supra programo povas efektiviĝi nur per instruado pri la komuna deveno de homaro kaj ties komunaj celoj.

D-ro Lowell prezentis Esperanton al la dua kunsido kiel ilon al ĉiu homara kompreno: ankaŭ parolis reprezentantoj de Junula Ruĝa Kruco, de kelkaj aliaj mond-amikecaj organizaĵoj kaj delegitoj de Ĉeĥoslovakio kaj Ĉilio (la lasta, instruisto de hispana lingvo, kontraŭ Esperanto).

La nuna programo de la N. E. A. kaj de ĝia komitato estas, ke tiu „Tutmonda Konferenco de 1923" okazu en usona urbo — el la proponitaj oni preferis Washington, New York, aŭ Boston — komence unu semajnon antaŭ la komenco de la ĉiujara N. E. A. kongressemajno. Dum tiu unua semajno subkomitatanoj de la diversaj nacioj interŝanĝos ideojn pri detaloj. Samtempe kun la malfermo de la N. E. A. kongreso, oni okazigos teatraĵon montrontan la kontribuadon de la apartaj nacioj al edukado kaj civilizio — por tiu teatraĵo oni gastigos infanojn el multaj landoj.

Oni esperas ke el tiu konferenco kreskos daŭra organizo aŭ „konsilantaro por esplorado kaj informo"; aŭ „tutmonda interŝanĝejo de komitatoj".

La programo aspektas tiom grandioza kiom projekto de aperonta esperantista gazeto, tamen oni jam dissendas invitojn pere de la registaroj kaj ekkolektas monsubtenojn.

Se estas instruisto kiu serioze interesiĝas pri la afero, li skribu al Supt. Augustus O. Shomas, State Supt. of Schools, Augusta, Maine, Usono, menciante tiun ĉi artikolon.

Norman *W. Frost* (Cambridge, Mass).
(U. E. A. 12,787)

## La batalo kontraŭ la alkoholismo en Aŭstrio.

La landregistaro de Malsupera Aŭstrio ĵus eldonis severajn dekretojn por energie kontraŭbatali la trouzon de l' alkoholo. Tiuj ĉi dekretoj estis komence devigaj nur por la teritorio submetita al la regado de la malsuperaŭstria landregistaro, sekve nur por la *lando* Malsupera Aŭstrio, sed ne por ĝia *ĉefurbo Wien,* kiu — kiel oni scias — en la ŝtatligo de aŭstriaj landoj figuras kiel sendependa *„Lando Wien".* Por la administra distrikto Wien proklamis la urbestro en sia rolo kiel Wiena landestro la nomitajn dekretojn. La novaj dekretoj, kiuj metas limon al la alkohola senbrideco, ruiniganta la tutan popolon, sonas sekvante:

La lastatempe *forte potenciĝinta trouzo de l' alkoholo* kaj ĝiaj gravaj konsekvencoj por la *publika trankvileco kaj sendanĝereco* unuflanke, kaj la grizaj ekonomiaj rilatoj de nia lando aliflanke, instigis la landregistaron de Malsupera Aŭstrio eldoni por la tuta al ĝi submetita administra teritorio la sekvantajn disponojn:

La ĝenerala *ŝloshoro por gastejoj,* inkluzive la ĝardenaj vin-vendejoj, vinhaloj kaj aŭtomat-bufedoj estas fiksita je la 10a horo vespere, la *ŝloshoro por kafejoj kaj „baroj"* je la 12a horo nokte. Al kafejoj kaj baroj estas malpermesite vendi alkoholajn trinkaĵojn en la tempo de 10a ĝis 12a horo nokte.

Permesoj por *prokrasti la ŝloshoron* trans la suprenomita tempo estos ĝisplue *principe ne donataj.*

La vendo de alkoholaj trinkaĵoj al *personoj videble jam alkoholizitaj aŭ ebriaj* estas malpermesata.

La ŝtata leĝo el la 7a de julio 1922, malpermesanta la vendon de alkoholaj trinkaĵoj al *junaĝuloj,* estos aplikata *kun la plej granda severeco.*

*Transpaŝoj de la ŝloshoro* flanke de drinkejmastroj kaj gastoj, kiel ankaŭ ĉia speco de ebriecaj ekscesoj estos *senindulge plej severe punataj.*

La drinkejmastroj, kiuj kontraŭagos tiujn ĉi dekretojn, estos punitaj per la *forpreno de la metirajtigo,* en la senco de la nun deviga aŭstria metiordo.

Tiuj ĉi dekretoj estas tuj aplikotaj."

D-ro *Emil Pfeffer,* Wien.

# LITERATURO

## La „dales“.[1]

Legendo el Galicio de A. Hatsek.

La pala vizaĝo de la juna juda instruitulo kuntiriĝis konvulsie, kiam li fermis post kvinhora seninterrompa „lernado“[2]) la malnovegan foliegaron, por mediti iom da tempo, super la diversaj demandoj, kiujn li estis ĉerpinta el la libro kaj kiuj amasiĝis en lia menso. Ankoraŭ tute perdiĝinte en la studado de la „talmud“[3]) — kvazaŭ ekzercita muzika orelo estus aŭdinta la belegajn tonojn de majstra kantado — sur lin ankoraŭ tiamaniere efikis la logitajo, ke li ne atentis la malvarman ĉambron, en kiu li sidis, kaj ne sentis la malsaton, tiun admoniston, kiu ja sukcesas veki ĉiun revanton. Sed ankaŭ sian fidelan edzinon, Mirjam, li ne estis vidinta nek aŭdinta, kia ŝi jamm parolis al li de kelke da sekundoj, ĝis kiam, metante manon sur lian ŝultron, ŝi plilaŭtiĝis: „Ĉu vi volas manĝi malvarmaj la terpomojn, kiuj restis hieraŭ, mi vin demandas“! ŝi ripetis.

„Manĝi malvarmaj? Kial, koro mia, mi manĝu malvarmaj la terpomojn“?

„Ĉar ne estas fajro“.

„Ne fajro? Kial do vi ne bruligas fajron, infano mia?“

Ĉar ne estas ligno, kara Ĥajm. Kaj ankaŭ ne estas io por manĝi, escepte la terpomojn de hieraŭ“, ŝi diris kaj tenis la antaŭtukon al la larmantaj okuloj.

„Kaj kial ne estas ligno kaj kial ne estas io por manĝi?“, tute naive demandis la juna edzo. Sed tiu demando tute ne mirigis la deksepjaran Mirjam.

Dum sia dujara edzineco ŝi kutimis al tio, ke ŝia edzo „lernadas“ de la frua mateno ĝis la malfrua vespero. La mono por la mastrumado ĝis nun, kvankam nur ete, venis de ŝiaj gepatroj. Sed nun ankaŭ maturiĝis la du fratinoj de Mirjam, kaj ankaŭ ĉi tiujn devis, kiel eble plej bone, prizorgi ŝiaj gepatroj; pro tio forrestis la sumoj, alveninte ĉiam pli malgrandaj en la lasta tempo. Kaj krom ĉio estis antaŭ la paska festo, kvankam ĝis tiam ankoraŭ daŭris kvar semajnojn. La bona virino ja rezignis pri nova „jomtova“[4]) robo, por laŭ kutimo kaj moro, ornami sin kiel la aliaj judaj virinoj kaŭze de la festaj tagoj; sed tamen estis ja neeble ne havi la necesajn laŭritajn manĝaĵojn, precipe la paskan panon, la macojn.[5]) Kaj kiom da elspezoj krome estis necesaj, por provizi la domon per nutraĵoj por longaj ok tagoj!

Ĉi tion ŝi rimarkigis al sia edzo. Sed dum ŝi paroladis, li rigardis ŝin, kvazaŭ li aŭdus aferojn, kiuj ĝis nun estis nekonataj de li. La zorgojn pri la necesaĵoj de la vivo li ĝis nun ne konis. Kiam li ankoraŭ estis knabo, ĉi tio estis afero de bonfaremaj homoj; kiel junulo li „plete“[6]) manĝis ĉe ili, kaj ankaŭ pri vestoj kaj loĝado zorgadis la bonfaremo. Kaj kiel edzo, ĉar li estis konsiderata „distingita boĥer“[7]) kaj havis kiel edzinon Mirjam, ŝiaj gepatroj lin provizis per ĉio, kion li bezonis, kaj li nur havis la devon „lernadi“ por fariĝi korifeo. Dum sia knaba aĝo li ja lernis la botistan metion, sed li nur praktikis ĝin malofte, t. e. tiam, kiam li bezonis ŝuojn por siaj plejproksimuloj aŭ por si mem. Ĥajm tial ne povis kompreni, ke tiel subitege la malfeliĉo povas esti trafinta lin, ĉar li ja faris sian devon: li „lernadis“ nokte kaj tage, li ne foriris el la domo, neniom malŝparis, jes, li eĉ ne konis la valoron de la mono, ĉar li ja neniam iom posedis.

Kaj pro tio li tiel nekonsternite rigardis la malgajan vizaĝeton de sia juna edzino, kaj ne sciis ion diri krome: „Dio ja helpos“!

Sed kiam, kun ankoraŭ larmantaj okuloj, ŝi ekploregis, kaj li aŭdis ŝian mallaŭtan ploregon, tiam lin tamen eksiegis, la seriozo de la situacio, ĉar li ĝin pripensis. Rapidece li ekkaptis la ĉapelon kaj la bastonon kaj foriris. „Kien vi iras?“, zorge demandis Mirjam, ĉar ŝi ne kutimis, ke Ĥajm, precipe je tiu ĉi horo, foriru el la domo.

„Al la „rav“[8]) mi iras“, li diris. „Rabeno Ŝlome Lejbiŝer estas „cadik“[9]), lerta pri la „kabala“[10]), el lia buŝo fluas saĝo, lia kapo elpensas prudentaĵojn, li povas min konsili kaj diros kion fari“.

Baldaŭ poste Ĥajm staris antaŭ la sankta viro.

„Reb[11]) Ŝlome, mi venas, por ke via saĝego, via prudento helpu min el miaj mizeroj“! li diris. „Vidu! Tage kaj nokte mi studadas la talmudon, la „gemoro'n“[12]), la „miŝno'n“[12]), mi diligente „lernadas“ kun pasio, ne devigite, sed volonte. Kaj tamen, „rab“[11]) Ŝlome, al mi mankas la necesaĵoj. La ĉambro ne estas hejtita, en la forno ne brulas fajro, jes al ni mankas eĉ la necesaj manĝaĵoj. Kaj kiel vi scias, reb Ŝlome, la paska festo alproksimiĝas, tiel ke min turmentas la zorgo, de kie preni la rimedojn, havigi al ni ĉion por la „jomtovoj“. Longtempe „rabi“[8]) Ŝlome aŭskultis la parolanton, kiu pro timo de la malriĉo montris parolkapablon, kiu lin konvinkis pri tio, ke antaŭ li staras homo, al kiu la mano de malriĉo ĝis nun nur minacis per unu fingro. Sed poste li diris: „Reb Ĥajm, vi havas en via domo malbonan gaston; se vi sukcesos, forigi lin, tiam al vi estos helpite“.

Ĉu gaston, reb Ŝlome? Kiu do estas?“

„Estas la „dales“. Ĝis nun vi ne povis jam vidi lin, ĉar li ankoraŭ sidas en via kelo. Sed kiam vi lin trovos, senkompate forpelu lin“!

Ĥajm faris, kiel al li ordonis la rabi. Singarde li ŝteliris en la kelon de sia domo kaj, post longa serĉado, li ekvidis en angulo la kaŭrantan korpon de tutnuda knabo.

„Kiu vi estas“?, al li kriis Ĥajm.

„Mi estas la „dales“! al li respondis plorema voĉo.

„Enpakiĝu kaj foriĝu“!

„Ho! mi ja volonte forirus“! diris la knabo. „Sed pripensu, se vi havas koron en la brusto, ke mi estas tutnuda kaj en tiu ĉi stato ja ne povas vidiĝi sur la strato. Donu al mi vestojn kaj mi iros for de vi kaj de via domo“.

Ĥajm havis kunsenton. Li sciis, ke en tiu stato la knabo ne forpovis de ĉi tie. Dank' al Dio! la ora kufo de Mirjam ankoraŭ alestis; ĝin li portis en la pruntejon, poste aĉetis vestojn kaj ilin alportis al la knabo, por ke tiu povu foriĝi el lia domo. Sed jen! oni povus nomi ĝin miraklo: la vesto estis multe tro malgranda, ĉar intertempe la uleto estis ege kreskinta.

„Kiel ajn!“ diris Ĥajm; „la „dales“ devas foriĝi, mi aĉetos por li vestojn pli grandajn kaj pli komfortajn“. Kaj li foriris vendis sian kaftanon, kiun li nur surmetis dum grandaj festoj

tagoj, kaj por la porricevita mono li aĉetis novajn vestojn por la knabo. Kaj denove Ĥajm vidis mirigite, ke la korpo de la „dales“ estis plilongiĝinta kaj plilarĝiĝinta kaj ke la vestoj por li estis tute neuzeblaj.

„Ho, vi ne mokos min!“ pensis Ĥajm kaj portis en la pruntejon la arĝentan „menoro'n“[13]). Ĝis „ĥanuko“[14]), kiam mi ĝin bezonos, ja estas longa tempo; mi dume estos libera de la „dales“ kaj povos reaĉeti la „menoro'n“. Kaj refoje Ĥajm por la ricevita mono aĉetis vestojn tiel larĝajn kaj grandajn, ke eĉ la plej forta viro estus povinta surmeti ilin. Sed estis vane. La „dales“ dumtempe havis la staturon de grandegulo, kiu moke ridis pri la postulo, esti metota en ĉi tiujn vestojn.

Malespere Ĥajm meditis, kion fari. La „dales“ devis foriri, tio estis certa; sed kie preni monon por vesti lin? Kaj li ĉirkaŭrigardis en la ĉambro kaj baldaŭ konvinkiĝis, ke ĉi tie estas eĉ ne ununura valoraĵo, kiun li povus ŝanĝi en monon, por denove aĉeti vestojn. Sed tamen, kiel dirite, al li estis klare, ke la „dales“ devas foriĝi kiel eble plej baldaŭ. Jes, sed kiel? Kaj apogante la kapon sur la manplatoj, li turmentegis sian cerbon: kiel li povos havigi al si monon per honesta maniero, por fine forigi el la domo la malbenindan gaston? Kaj dume lia tuta ĝisnuna vivo preteriĝis antaŭ lia spirita okulo, kaj li komencis kompreni, ke li mem ja estas kulpa, ke li momente ne posedas sufiĉe da mono, por havigi vestojn al la nuda gasto, por ke li povu liberiĝi de li. Li ja estas sana kaj forta kaj povos ŝanĝi en monon sian tempon. Kaj rilate la „lernadon“ — tion li nun komprenis — la scienco ja ne povos tute plenigi lin, kiam lia cerbo estos plena de la maldolĉa zorgo pri la ĉiutaga pano. Kaj nun li ankaŭ ekmemoris, ke lia patro, ripozanta nun en la Ĝardeno Eden (Paradizo) ĉion ĉi antaŭvidis, kiam li lernigis al li la botistan metion. Li ĝin ellernis, sed ne praktikis, ĉar ĉiuj lin konsideris la „distingita boĥer“, kia li vere estis, kaj kia lin ankaŭ rekonis liaj bogepatroj, igante la dudekjarulon daŭrigi la studojn. Sed la maldelikata vivo postulis pli multe ol sciencon — ĉi tion li nun komprenis — kaj li volis havigi al si monon, por povi realigi sian neŝanĝeblan decidon, liberigi sin de la „dales“.

Tial al li ne restis alia solvo, ol pretigi ŝuojn kaj ripari, laboro, por kiu li ankoraŭ estis kapabla.

„Jam morgaŭ matene mi finkolportos en nia strato kaj vidos, kie estas bezonata mia laboro“, li diris decide; „ŝuojn ĉiu bezonas, precipe nun antaŭ la festotagoj; jes, mi laboros kaj enspezos monon!“

Nun Ĥajm diligente ŝuumis. Baldaŭ enestis la mono por aĉeti kiun ajn vestaĵon por la „dales“. Por ne esti mokata de li refoje, li, dum siaj liberaj horoj, ŝteliris en la kelon, kie senmove sidis la „dales“. Sed multe pli malgranda, multe pli maldika jam estis ties korpo, kaj la vestoj, kiujn antaŭe li estis aĉetinta por li, nun estis tro grandaj kaj tro larĝaj. Kaj en la sekvo montriĝis, ke la korpo de la „dales“ ŝrumpis kaj ŝrumpis[15]). Neniu vestaĵo estis por li konvena, eĉ ne tiu, kiun Ĥajm aĉetis por li, kiam li trovis lin tute malgranda knabo.

Dumtempe la ĉambroj de la komforta domo pleniĝis ne nur de la necesaj manĝaĵoj, sed krome jam kuŝis en la kesto bela amaso da mono, kiu subite pliiĝis. Ĥajm sidis en laboroj ĝis super la oreloj, tiel ke li eĉ ne trovis la tempon, por zorgi pri la etulo, kia li lin vidis eĉ antaŭ kelkaj tagoj. Fine lin instigis la scivolemo, serĉi en la kelo la knabon, sed vane li esploris pri li; la „dales“ estis kaj restis malaperinta.

La paska festo ja estis pasinta delonge, tagoj, kiujn Ĥajm estis festinta kun sia Mirjam laŭ malnova kutimo. Kaj iom post iom la kestoj pleniĝis je vestoj kaj trezoraĵoj, kaj krom la ora kufo, la festotaga kaftano kaj la „menoro“, nun estis en la domo multaj valoraĵoj, kiujn Ĥajm aĉetis intertempe. Sed la „dales“ ne plu arogis veni en la domon de Ĥajm kaj fari uzon de ties gastamo. Ĉar, kiel la „dales“ sciis, Ĥajm nun estis homo, kiu, dank' al la laboro de siaj manoj, estis kapabla, vesti lin, por eksterpordigi lin plej rapide.

El la germana lingvo tradukis *Karl Minor*, Hamburg.

---

**Notoj de l' tradukinto:** [1]) „dales“ (la unua silabo estas akcentata kaj tre mallonga) estas pli-malpli internacia juda vorto, kiu ĝenerale signifas „senmoneco“. En judaj rondoj oni ŝerce diras: „Dales estas juda malsano, kiu tamen ankaŭ trafas kristanojn“. En la supra rakonto la aŭtoro imagas la „dales“ karna homido; oni do devus esperantigi ĝin per „senmoneculo“, vorto, kiu nek estas bela, nek ekzakte trafas la sencon de la vorto „dales“. — [2]) „lernadi“: La ortodoksaj judoj multe okupiĝas pri la Biblio, la Talmudo ktp. por esplori ĉi tiujn verkojn kaj kapti en ili pli profundajn kaj novajn sencojn kaj trovi novajn klarigojn. Ĉi tiun okupiĝon ili nomas „lerni“. — [3]) „talmudo“ = hebrea religia verko de la judoj, enhavanta la malnov-hebreajn leĝojn, laŭ kiuj plejparte ankoraŭ hodiaŭ vivas la piaj judoj. — [4]) „jomtov“ = festotago (hebrea vorto). — [5]) „maco“ estas la hebrea nomo de la judaj tiel nomataj „paskaj kukoj“. La vorto „maco“ signifas „senfermentila“. La ofte aŭdata formo „macos“ estas la hebrea pluralo. — [6]) malriĉegaj judoj, kiuj jam ne (aŭ ne plu) kapablas laborenspezi, precipe en malgrandaj judaj komunumoj, senpage manĝas ĉiutage ĉe alia juda familio de sia komunumo. La judoj konsideras tian manĝigon Dionplaĉa faro. La esprimo diras, ke tiaj junuloj (kaj maljunegulo) manĝas „plete“. — [7]) „boĥer“ (la unua silabo estas akcentata kaj longa) estas hebrea vorto kun signifo simila al „viro“; „distingita boĥer“ estas esprimo por spirite alta viro. — [8]) „rav“, „rab“, „reb“ kaj „rabi“ estas mallongigoj de „rabeno“, kio signifas „instruisto“ kaj estas kutima alparolo al judaj pastroj kaj ĉiuj judaj viroj kleraj kaj spertaj rilate religiajn aferojn. — [9]) „cadik“ = hebrea vorto signifanta „justa“ aŭ „justulo“. — [10]) „kabala“ = juda hebrea libro. — [11]) vidu [8]). — [12]) „gemoro“, „miŝno“, estas hebreaj religiaj kaj prileĝaj verkoj de la judoj. — [13]) „menoro“ estas la nomo de la naŭbraka kandelingaro, kiu estas uzata dum grava ceremonio dum juda festo, okazanta proksimume dum la tempo de la kristnaskaj tagoj. Tiu ĉi juda festo estas nomata [14]) „ĥanuko“ (la unua silabo de „ĥanuko“ estas akcentata kaj mallonga). — [15]) „ŝrumpi“ = G. „zusammenschrumpfen“; F. „se ratatiner“; A. „shrink“.

* * *

# Kiam mi vidas vin preĝanta...

(Laŭ poemo de malnova poeto.)

---

*Kiam mi vidas vin preĝanta*
*Pie al Dio parolanta,*
*Vekas via diadoro*
*Sanktan senton en la koro.*

*Kiam mi vidas vin preĝanta,*
*Revo estas min levanta!*
*Lumaj pensoj de l' malhelo*
*Flugas alten al ĉielo!*

*Kiam mi vidas vin preĝanta,*
*Dubo estas disiganta.*
*En infana afekcio*
*Ree preĝas mi al Dio!*

**Friedrich Jahn.**

# La Gastejo ĉe l' Haveno.



Ĉe la bordo de l' haveno, en mallarĝa, flanka strato
Estis iam distilejo „Al Ebria Akvorato".
Fama estis ĝia brando kaj ne malpli la manĝaĵoj,
Kaj krom tio tre allogaj ĝiaj multaj kuriozaĵoj.

Jimmi Svatsnut ĝin mastrumis, filo de la lando
Altstatura kaj kolosa, forta kiel lia grogo. [Togo,
Antaŭ ol li ekposedis la gastejon, antaŭ jaroj,
Estis li gajninta monon per kaptado de omaroj.

Liaj ĉefaj gastoj estis la maristoj kaj ŝipanoj,
La havenlaboristaro kaj velŝipaj kapitanoj.
Ĉiuj rasoj renkontiĝis, venis tien turkoj, poloj,
Kiel blondaj nordlandanoj, tiel negroj kaj mongoloj.

La klubĉambro, aranĝita kiel botokudkabano,
Estis vere vidindaĵo por fremdulo kaj urbano.
Ĝiajn murojn kovris pajlo, kanplektaĵo la plafonon.
Sur la planko kokosmatoj plene kovris ĉiun ŝtonon.

En la mezo de l' kabano pendis longa krokodilo,
Ĉe maldekstra flanko glavoj, lancoj, ŝildo kaj hakilo.
Dekstre estis feloj, fiŝoj, birdoj, sagoj kaj pafarko,
Kontraŭporde sub remiloj kaj tamburo granda ŝarko.

Do — en tiu ĉambro regis iutage granda bruo.
Gaja societo sidis ĉirkaŭ tablo el bambuo.
Oni trinkis, ĝojis, kantis pri bataloj kun korsaroj,
Fine oni ekbabilis pri danĝeroj sur la maroj.

„Aŭdu", nun komencis Tedje, maŝinisto de l' „Tritono",
„Kion foje mi travivis en tropika regiono".
Kaj detale li priskribis, kiel, sur Insul' Marŝala,
Nur penege li sin savis el kaldrono kanibala.

„Jes", ekdiris Fidje Isbehn, englutinte angosturon,
„Nur spiritĉeesto helpas, venki tian aventuron.
Ankaŭ mi dum la vojaĝoj estis ofte en danĝero,
Veturante Sudafrikon sur la „Blanka Rinocero".

Iufoje mi troviĝis ĉe la Kapo Bonespero;
Ni tre ĝojis, ĉar ĝis nun nin tre favoris la vetero.
Malproksime jam ni vidis klare la Tabulan Monton.
Jen! Subite pezaj nuboj plene kaŝis horizonton.

La ĉielo nun nigriĝis; fulmoj trancis la aeron;
La ventego furiozis; perdis ĉian ni esperon.
Jen surdiga ekkrakego! Nia ŝipo disfendiĝis,
Kaj la „Blanka Rinocero" — malrapide subakviĝis.

Sed feliĉe al mi venis lastmomente savideo.
Mi ekpensis pri la ŝarĝo, la multega palmoleo.
Per enhav' de mil bareloj mi glatigis la ondaron,
Kaj, rajdante sur bretego, ni alnaĝis la bordaron." —

En angulo sidis viro apud la leona felo,
Kies blua nazo brilis kiel la Vespera Stelo.
Tiu estis Adje Glimmer, kapitano de l' „Delfeno",
Tre amuza rakontanto kaj Hamburga indiĝeno.

„Antaŭ jaroj", diris Adje, sian pipon bruliginte
Kaj per longa vid' la ŝarkon ĉe la muro rigardinte,
„Ankaŭ mi jam foje pensis, ke min prenas la diablo,
Kaj ankoraŭ nun mi sentas, kvazaŭ ĉio estis fablo.

Ni veturis de Cejlono tra Malaka Strat' Manilon.
Tie ŝarĝis ni tabakon, fruktojn, rizon kaj vanilon.
Preteriris ni Formozon en direkto al Fusano,
Kiam en la Flava Maro nin surprizis uragano.

Nia ŝipo dancis kvazaŭ nukso sur la ondegaro,
Kaj grandegaj ŝarkoj svarmis homavide en la maro.
Oni ĝemis, kriis, ploris, de terur' malesperante.
Jen altega ond' min ŝiris en la akvon muĝegante.

Ekscitiĝ' min paralizis; perdis plene mi konscion,
Kaj pri tio, kio sekvis, rememoras mi nenion.
Tamen mi ja ne pereis el ĉi tiu kara mondo,
Ĉar alie mi ne estus nun en via gaja rondo. —

„Adje! Viro! Fulmotondro!" Kiu vokis mian nomon?
Mi malfermis la okulojn kaj ekvidis dikan homon.
Kuŝis mi sur granda ŝipo. Kio estis okazinta?
Kie mi ĉi tiun viron iam estis jam vidinta?

Li prezentis fortan grogon. La memoro nun revenis,
Kaj vidante mortan ŝarkon, la ceteron mi divenis.
Mi ne povis diri vorton; ĉirkaŭbrakis mi la viron;
Per streĉita atentemo mi aŭskultis lian diron.

„Jes", li diris emocie, „jes, mi estas Bastiano,
Kiu antaŭ dudek jaroj kun vi estis sur la „Rano".
Nun komandas mi la „Tigron", tiun ĉi militan ŝipon.
Ni veturas al la bordo, por plenigi la ekipon.

Al la golfo Kiaŭĉaŭa revenante de krozado,
Nia „Tigro" jen ektremis de fortega skuiĝado.
Ni esploris la kialon de ĉi tiu okazaĵo
Kaj ekvidis tiun ŝarkon baraktanta ĉe l' ŝraŭbaĵo.

La bestegon mortiginte, ni ĝin sur ferdekon tiris.
Sed, aŭdante ronkegadon, vere ni sufiĉe miris,
Ni fendtranĉis nun la monstron, kaj en tiu ŝarkventrego —
Vi imagu la surprizon — vi ripozis en dormego!" —

En Kiaŭĉaŭo ni ankoraŭ tiun travivaĵon festis.
Mi veturis nun Hamburgon; li sur sia „Tigro" restis.
Per gazeto mi sciiĝis, antaŭ eble unu jaro,
Li nun estas admiralo de ŝipar' en Flava Maro."

Adje ĉesis kaj rigardis mediteme al la muro.
Ĉiujn gastojn plenmutigis lia stranga aventuro.
Tiam prenis li la ĉapon, sian grogon eltrinkinte,
Kaj forlasis la gastejon, novan pipon bruliginte.

*W. Kühne.*



# TRA LA LIBRARO.

**Conférence Internationale sur l' Enseignement de l' Esperanto dans les Ecoles.** Compte rendu sommaire en français. (Internacia konferenco pri instruado de Esperanto en lernejoj. Resuma raporto en franca lingvo). Aĉetebla ĉe UEA Boulevard du Théâtre 12, Genève. 28 paĝoj, 14×21 cm. Prezo: 0,50 fr. sv.

La Ĝeneva konferenco de aprilo 1922 estis sufiĉe detale priparolata en tiu ĉi ĵurnalo, kaj ne utile estas analizi la nunan raporton publikigitan de la Instituto J. J. Rousseau, iniciatinto de l'konferenco, kaj subskribitan de ties ĝenerala sekretario S-ro W. Perrenoud.

Klare verkita, plena je pruvigaj faktoj, tiu broŝuro estas varbilo kaj konvinkilo, kiun niaj francparolantaj samideanoj, kaj ĉefe instruistoj, devas are uzi por klerigi pri la problemo siajn kolegojn kaj ĉefojn, por peti de l'aŭtoritatoj provojn de esperanta instruado en unuagradaj kaj mezaj lernejoj.

**Korekto de la eraraj tradukoj en Universala Vortaro.** (Kun aprobo de la Lingva Komitato). *Franca parto.* Kolekto de la Akademio. *Th. Cart.* Esperantista Centra Librejo, 51 Rue de Clichy, Paris-9e. 4 paĝa litografia folio, 16×24 cm. Prezo: 0,50 fr. fr.

Jen de longe atendita laboro. Ne ampleksa, sed valora. Se iom malrapide laboras niaj lingvaj institucioj, almenaŭ bone. Tiu korekto fariĝas nepra aldonaĵo al la fundamenta Universala Vortaro. Eble la titolo ne estas tre bone elektita, ĉar pli ofte ol eraraj, la tradukoj estas nesufiĉaj, neplenaj, dubaj aŭ dusencaj, kaj la korektoj estas precizigoj, unusencigoj aŭ kompletigoj.

Ke tiom da ili estis necesaj, jen nova pruvo, kiom malfacile, eĉ fakulo, eĉ genia lingvisto, povas estri fremdan lingvon tiel funde kiel enlandulo. Do, krom maloftegaj esceptoj, ĉiu uzanto de fremda lingvo havas kontraŭ ties parolantoj malsuperecon, kiun sole evitigas uzado de neŭtrala eksternacia lingvo. Tie kuŝas unu el la plej fortaj argumentoj por Esperanto.

**Tra la Mondo.** *Internacia legolibro.* Kolektita kaj prilaborita de *Paul Bennemann.* IIa parto: Por progresintoj. Kun aldono de 4 komponaĵoj. Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig. Esperanto Fako. 1922. 144+12 paĝoj, 15×22 cm. Prezo: 70 M. germ. (Valutalpago: por mezvalutaj landoj 60% por altvalutaj landoj 100%).

La dua parto de „Tra la Mondo“ plenumas la promesojn dedukteblajn de la kvalitoj de l'unua. Ambaŭ volumoj formas krestomation de neordinara intereso kaj valoro. Foliumante la novaperintan, oni ne scias al kiu ĉapitro aljuĝi la unuan premion. En la „Paroloj de l' saĝo“, estas arigita riĉa kolekto de diroj, pensoj, aforismoj kaj eĉ paradoksoj de famaj antikvaj aŭ nuntempaj genioj kaj verkistoj. En „Mondliteraturo“, ni havas tre interesajn tradukojn de poetoj ĥinaj kaj arabaj, prozaĵojn de Tagore, Amicis kaj aliaj, parton de l'Zamenhofa Hamleto, humorajn kaj kortuŝajn rakontojn. En „El la vivo, artoj kaj sciencoj“ estas eltiraĵo el Vivo de Zamenhof (Privat) kaj rimarkindaj originalaj studoj de l' laborema kaj multscia aŭtoro pri moderna edukado, pri moderna pentrarto, pri ekskurso al senfinaĵoj, pri la penso de Einstein, pri deveno de Iliado. „Por vesperaj horoj“ havas nombron da anekdotoj historiaj aŭ ŝercaj, problemoj kaj enigmoj. Unu kvarvoĉa ĥoro kaj, en aldono, tri muzikaj komponaĵoj, el kiuj du estas ĝis nun nepresitaj, finigas tiun veran trezoron, kies ĉiun juvelon ni ne povas citi.

Pri tiu libro, oni ankaŭ povas diri, laŭ unu el la saĝaj paroloj kolektitaj: „Pripensu kion vi posedas en la plej malgranda bone elektita biblioteko! Societo de la plej saĝaj kaj spiritaj viroj kiuj estis trovataj dum unu jarmilo en ĉiuj civilizitaj landoj prezentas al vi laŭ plej bela ordo la rezulton de sia scio kaj saĝeco.“

Pri la ekstera aspekto de l' libro kaj la korekteco de l' lingvo, la eldonantoj kaj verkintoj faris ĉion eblan. Cetere nur tre atenta legado, kiun manko de tempo ne ebligis, permesus eltrovi kelkajn restintajn eraretojn, ĉar, ve! nenia homa verko atingas perfektecon. En la frazo (mallongigita): „Malsanaj alvenas por memori nin ke la morto estas proksima“, „memorigi“ estus ĝusta; „sveno“ estus pli bona ol „svenigo“; prefere al „plebejaro“, mi elektus la solan radikon „plebo“ (Verax, Christaller) el kiu estas facile eltireblaj „plebano, plebanaro“. Eĉ sano havas makulojn.

Ni devas admiri, ke tia ampleksa verko, kiel „Tra la Mondo“ estas tiom zorge preparita; multon ni ŝuldas al la klopodado de S-ro Bennemann; en ĉiu serioza esperantista librokolekto, „Tra la Mondo“ trovos indan lokon flanke de l' Fundamenta Krestomatio. Ambaŭ havas apartajn kvalitojn, sed la novenaskita meritas apudesti sian neanstataŭeblan antaŭulon.

**Internacia Kantaro.** Kolekto de 64 popolaj kantoj el 26 nacioj kun aldono de 3 famaj koncertarioj, kolektitaj kaj tradukitaj de *Paul Bennemann. Muzika eldono* aranĝita de *Josef Achtélik,* 6+72 paĝoj, $19^1/_2 \times 13^1/_2$ cm. Prezo: 40 M. germ.

**Internacia Kantaro.** *Tekstaro.* 64 paĝoj, 11×15 cm. Prezo: 20 M. germ. (Alpago: por mezvalutaj landoj 60%, por altvalutaj landoj 100%). Ferdinand Hirt & Sohn en Leipzig, 1922. Esperanto-Fako.

En antaŭparolo, S-ro Bennemann klarigas, kiel la iama kantaro ĉefe germana fariĝis internacia, kaj nun ebligas, pere de l'diversnaciaj popolaj melodioj, iom ekkoni la animon de ĉiuj gentoj. Ni ja kredas lian diron, ke ne estis facila tasko kolekti la kantojn kaj precipe traduki iliajn parolojn, samtempe respektante la sencon de l'originalo, verkante kompreneblajn kaj korektajn versojn kaj ĉefa afero, adaptante ĉiam bone ilin al la muziko.

La plej multaj kantoj estas aranĝitaj por unu voĉo kun fortepiana akompano. Aliaj estas notitaj por 2, 3 aŭ 4 voĉoj*). Oni ne miru, ke pro la deveno de l'verko, kaj de l' verkinto, la germanaj kantoj estas pli multnombraj ol la ceteraj.

La muzika eldono formas belan albumon kun notaro bela kaj nete presita; laŭ aspekto kaj preso, la tekstaro estas samzorge eldonita. El la ĝis nun aperintaj esperantaj kantaroj, la nuna superas ĉiujn aliajn per sia riĉeco, belaspekto, internacieco. Povu rapida disvastiĝo de tiu tre valora kaj rekomendinda verko revigligi la kantemon en niaj societoj kaj kunvenoj, kaj ankaŭ rekompenci la laŭdindan laboron de l'aŭtoro kaj de l' eldonantoj.

**La Luksdometo.** Unuakta komedio. *H. Meilhac* kaj *L. Halévy.* Tradukita laŭ permeso de la eldonisto de *Sinjorino M. Fauvart-Bastoul.* Havebla ĉe la tradukistino, 62 rue Chabot. Charny, Dijon, Côte d'or, Francujo. 50 paĝoj, 12×19 cm. Prezo: 3,50 fr. fr.

Meilhac kaj Halévy estas du konataj francaj teatraj verkistoj, kiuj kune skribis multe da amuzaj komedioj aŭ operetoj. La Luksdometo, perfekte tradukita, ankaŭ gajigos la legantojn aŭ la aŭskultantojn se iam esperantistaj teatramantoj ĝin ludos. La spritaj dialogoj, la neatenditaj renkontiĝoj, la scenoludoj, ĉio montras spertecon de l'verkintoj, en tiu senpretenda sed lerte aranĝita unuaktaĵo. Prezo kaj aspekto de l'libreto estas tre plaĉaj.

*G. S.*

*) La 3 koncertarioj estas ŝatataj por Esperantaj koncertoj.



# ESPERANTISMO



## KRONIKO.

### Aŭstrio.

Fondiĝis „Tramvojista Unuiĝo Esperanta“ en Wien. Ĝi kalkulas jam pli ol 100 m. La direktejo de la tramvojoj promesis subteni la movadon. Adreso de la prezidanto: Karl Wehsely, XII. Steinhagegasse 3/11.

### Britlando.

La 17a Skota Kongreso okazis en Aberdeen la 22an—24an de septembro. Ĝi kunvenigis 60 partoprenantojn. Oni aranĝis grandan propagandan kunvenon kaj ekskursojn en la urbo kaj ĉirkaŭaĵo. S-roj G. Jarvis, prez. de la loka grupo, Warden, kaj Page faris interesajn paroladojn. La skota gazetaro dediĉis specialajn artikolojn al la vortoj eldiritaj de episkopo Deane. Li diris, ke la du grandaj malhelpoj al unueco en la mondo estas laŭ lia opinio tiuj de rasoj kaj religioj. Nuntempe la homoj suferas je kolera kaj malvirtigita naciismo kiu alportis malbenon kaj detruon en la mondon. La episkopo opinias ke ĉiu inteligenta homo devas akcepti ke la esperanta movado devas kaj povas fari multon eĉ en mallonga tempo. Li finis per kuraĝigaj vortoj kaj esprimis la esperon ke la Ligo de Nacioj konsideros la grandan profiton kiun la homa raso ĝuos se Esperanto estos universale akceptata.

Al la Ligo de Nacioj estis sendita petskribo por Esperanto subskribita de 1250 eminentuloj, parlamentanoj, juĝistoj, profesoroj, lernejestroj, inspektoroj, advokatoj ktp. dank' al senlaca organiza gvidado de S-ro Page el Edinburgh.

### Bulgario.

La 9a bulgara kongreso okazis la 6an—8an de aŭgusto en Sofia kun granda sukceso. Partoprenis ankaŭ kelkaj jugoslavaj samideanoj el Zagreb. S-ro Balabanof, ĉefo de l' kulturfako ĉe la Ministrejo de Popola Instruado salutis la kongreson kiel reprezentanto de la ministro. La B. E. S. havas 22 lokajn grupojn kun 550 regulaj membroj. Estas pli ol 30 grupoj en la lando. Esperanto estas instruata en 25 gimnazioj; entute ekzistas 30 klasoj kun 784 lernantoj finintaj la lecionojn.

### Ĉeĥoslovakio.

La foira oficejo de Reichenberg dissendis mem al 1500 germanlingvaj gazetoj informojn pri „Kunigo de Internaciaj Foiroj per Esperanto“. S-ro Taubmann el Haida faris rondvojaĝon propagandan en Silezio kaj Norda Moravio. Li faris 7 sukcesajn publikajn paroladojn kaj elmontris esperantaĵojn. Nia scienca artikolo „Aerveturado je granda alteco“ estis tradukita de S-ro B. Verner kaj represita en faka ĉeĥa gazeto „Letectvi“. La profesoraro de la alta teknika lernejo en Praha nomis S-ron Aug. Pitlik, superan komisarion de ĉeĥoslovaka komercministrejo, lektoro de Esperanto.

### Francio.

Cirkulero de S-ro Bérard, ministro de Publika Instruado, kontraŭ la instruo de Esperanto kaŭzis tre grandan intereson pri Esperanto. Multaj gazetoj kiuj neniam presas pri Esperanto parolis pri ĝi. Tiu cirkulero kvankam kontraŭesperanta konstatas vole-nevole la taŭgecon de Esperanto por internaciaj rilatoj (tre danĝeraj laŭ S-ro Bérard!) Plie ĝi konstatas ke Esperanto estas valora konkurenco por la fremdaj lingvoj ĉar ĝi aludas je la malgranda entuziasmo montrita de la francoj por la studo de la naciaj lingvoj kies instruo „estas tro malmulte disvastigata kaj tro malmulte efika.“ La cirkulero mencias ankaŭ pri „la disvolviĝo de internacia lingvo kiu allogas pro ĝia facileco“.

Aperis en la gazetaro multaj ŝercoj pri tiu cirkulero de S-ro Bérard kaj ankaŭ tre amuzaj karikaturoj.

Laŭ raporto de S-ro Léon Méras, tre favora rekomendo por Esperanto estis prezentita al la Ĝenerala Framasona kunveno, kiu decidis resendi la aferon por studo al la Ordena Konsilantaro. Ni citu intertempe la interesajn konsiderojn.

La Komisiono por Rekomendoj de la Kunveno 1922: konsiderante 1) ke la celo celata de Esperanto estas tute simila al tiu de la framasoneco t. e. la frateco de la popoloj dank' al ilia interkompreno. 2) ke ĝia nuna disvastiĝo en la tuta mondo oferas al la Framasoneco rapidan kaj certan rimedon realigi rapide la idealon celatan de tiuj du organizaĵoj. 3) ke la minaca kaj tendenca cirkulero de la Ministro de Publika Instruado atakas la liberan penson de ĉiu civitano kaj estas absolute kontraŭa je ĉiu ideo de progreso, socia justeco kaj libereco; ke ĝi havas kiel celon nur malhelpi la antaŭenmarŝon de la socia movado, malhelpante la tutmondajn proletariojn je kiu ajn opinio, religio aŭ nacieco interkomprenigi en iliaj respektivaj internaciaj kongresoj, ke tiu cirkulero faras grandan domaĝon al la disvastigo de la franca komerco kaj industrio eksterlande ktp.

Niaj unuaj grupoj jam maljuniĝas: la grupo de Lyon festis la 20an datrevenon de sia fondiĝo. Esperanta Hejmo direktata de F-ino Jeanne Flourens malfermiĝis en Marseille, 43 Cours Joseph Thierry. Dank' al F-ino Rousset en Avignon la tiea komerca ĉambro organizis kurson. La grupo de Bordeaux ricevis senpagan budon ĉe la Foiro: pli ol 900 gramatiketoj vendiĝis. S-ro Friedrich el Brno faris paroladojn pri Ĉeĥoslovakio en Lyon kaj St. Etienne. La francaj revoluciemaj esperantistoj kunvenis en Troyes. La gazeto „Le Syndicat Unique“ publikigas artikolojn el Pollando, Ruslando, Jugoslavio kolektitaj kaj tradukitaj de S-ro P. Filliâtre.

D-ro Privat vizitis en Parizo diversajn komercajn organizaĵojn kaj paroladis en Lyon (300 p.), en St. Etienne (120 p.), en Vienne (500 p.) kaj en la Komerca Ĉambro en Besançon (80 p.). Ĉie kursoj malfermiĝis.

### Germanio.

La 2a kongreso de Sennacieca Asocio-Tutmonda okazis la 12. — 16. aŭgusto en Frankfurt. Ĉeestis 220 personoj el 12 nacioj. Detaloj aperis en „Sennacieca Revuo.“ Ekzistas 4 kursoj po 30 lernantoj de la 7a lernjaro el 9 popollernejoj unuagradaj en Potsdam. La ekzpozicio por rekonstruo en Magdeburg uzas Esperanton: S-ro F. Rockmann, Kaiserstr. 61, plezure sendos prospekton kontraŭ respond-kupono.

### Hungario.

La 4a hungarlanda kongreso en Miskolcz kunigis 180 samideanojn el 18 grupoj. Oni decidis ebligi la eldonon de la poemoj de Potöfi okaze de lia centjara naskiĝdato. Konferenco pri instruado de Esperanto ĉeestata de neesperantistaj profesoroj akceptis rezolucion bazitan sur la raporto de la Ĝeneva Konferenco. Tiu ĉi raporto estis dissendita al 200 lernejoj.

## Italio.

D-ro Privat vizitis diversajn urbojn por aranĝi la konferencon pri komerco. En Venezia li paroladis ĉe la sidejo de la Grupo Zamenhof kaj en Padova ĉe la Komerca Ĉambro. Grava kunsido okazis inter la vic-prezidanto de UEA kaj la reprezentantoj de la Itala Federacio, Kavaliro Vaona, prezidanto, D-ro Toschi, sekretario kaj Grafo Rinaldi, komisiato por Komerca propagando.

## Jugoslavio.

Fondiĝis grupo en Sušak (87 m.)

## Latvio.

Grupo fondiĝis en Posvolys post parolado de S-ro L. Alseika. Revenante el la 14a kongreso samideanoj el 14 nacioj estis akceptitaj de la respublika prezidanto S-ro Ĉakste, kiu post afabla interparolado adiaŭis jene: „Ĝis revido dum la tutmonda Esperanto-Kongreso en Riga".

## Nederlando.

Dank' al la klopodoj de S-ro Ravestein komunikoj pri Esperanto kaj L. d. N. aperis en multaj gazetoj (en septembro: 116 artikoloj en 69 gazetoj).

## Portugalo.

La oficiala ŝtata gazeto „Diaro do Govêrno" informas ke estas permesite al S-ro J. A. de Saldanha Carreira fari senpagan kurson de Esperanto en la komerca lernejo de Lisboa.

## Svislando.

En Genève, ĉe la Universitato, okazis publika manifestado kun lumbildoj honore al Finnlando sub prezido de D-ro Privat. Paroladis D-ro Weber-Bauler kaj respondis ministro Erich, ĉefo de la finnlanda delegitaro al la Ligo de Nacioj. Li aludis la grandan sukceson de la Esperanto-Kongreso en Helsingfors.

La unuan fojon aperis artikoleto en Esperanto en „La Sphère" revuo de la Internacia Komitato de Y. M. C. A. Ĝi rekomendas la esperantan biografion pri George Williams. En Genève, ĉe la Internacia Labor-Konferenco, dum diskuto pri la oficialaj lingvoj, S-ro Adaĉi, ĉefo de la japana registara delegitaro atentigis pri la valoro de Esperanto por eliri el la konkurenco inter hispana, itala kaj germana lingvoj krom la franca kaj angla.

## Ameriko.

La 15a Kongreso de la Esperanto-Asocio de Nordameriko okazis la 10an — 15an de julio en Toronto. S-ro Hetzel proponis ke la internacia kongreso okazu en 1926 en Philadelphia sed S-ro Sussmuth respondis ke li dubis pri la financa ebleco por multaj Europanoj entrepreni la vojaĝon.

La Direktanta Konsilantaro de la Klubo de Inĝenieroj en Brazilo en sia lasta kunveno, decidis unuanime aprobi la jenan proponon:

La Direktanta Konsilantaro de la „Klubo de Inĝenieroj" esprimas la deziron, ke:

a) estu enkondukata, en la programoj de la brazilaj unuagradaj lernejoj, almenaŭ kiel nedeviga, la instruado de Esperanto al la geknaboj, kiel la lingvo destinita por helpi la internaciajn interrilatojn;

b) estu enkondukata ankaŭ en la propramoj de la brazilaj duagradaj lernejoj la deviga instruado de tiu helpa lingvo;

c) estu enkondukata ankaŭ en la lernadaj programoj de la metiaj, teknikaj kaj sciencaj lernejoj de la tuta Brazila Respubliko la devigo de ekzameno de Esperanto antaŭ la livero de iu ajn diplomo aŭ atesto de kursfino;

d) estu de ĉiuj instruejo — metia, teknika, scienca, kaj arta — funkciantaj en Brazilio, farataj la plej seriozaj kaj decidaj klopodoj celantaj la antaŭeniran disvastigon de la utiligo de Esperanto alprenante ĝin — samtempe kun la nacia lingvo kaj aliaj ajn fremdaj — en la bultenoj, katalogoj, mapoj, tabeloj, statistikoj, surskriboj, diplomoj ktp.

La Direktanta Konsilantaro de la „Klubo de Inĝenieroj" decidas:

a) komisii al komitato de 5 membroj — nomataj de la prezidanto el la klubanoj — por komenci kaj daŭrigi diligente kaj zorge, la konvenan ellaboron kaj preparon de teknika vortaro pri inĝenierscienco en Esperanto;

b) rezervi, en ĉiuj numeroj de sia Revuo kelkajn paĝojn por informoj celantaj la disvastigon de tiu utila helplingvo.

Novaj grupoj en Tampico (Mexiko); Necochea (Argentino); Habana (Kubo) ktp.

## Aŭstralazio.

La esperantistoj de Melbourne havis la bonegan ideon organizi koncerton por helpi U. E. A. Ĝi estis grandega sukceso de muzika flanko kaj de financa vidpunkto: 400 sv. fr. estis senditaj al Genève. La organizintoj ricevu niajn korajn gratulojn kaj dankojn.

Nova grupo fondiĝis en Grisee (Java) 17 m.

## Azio.

La movado tre bone sukcesas en Japanio. Multaj kunvenoj kaj kursoj okazas. La Osaka Instituto por Blind- kaj Mutuloj decidis oficiale enkonduki Esperanton en sian lernprogramon. Post vizito de S-ro K. Janagida, Ambasadoro H. Iŝuin, direktoro de la Informa Departemento de la ministerio de alilandaj aferoj proponis aĉeti je sia kosto esperantajn librojn kaj disdoni ilin al la oficistoj de la ministrejo. Okaze de la ekspozicio pro la memoro de l' Paco en Tokio, okazis speciala esperanta kongreso kun propaganda parolado (500 p.) kaj vespermanĝo (60 p.). La kongreso sendis al la Ligo de Nacioj peton pri alpreno de Esperanto. S-ro K. Ossaka instruas Esperanton en Centra Laborista Instituto (Ĉuo Rôdo Gakuin) Koiŝikaŭa, Tokio. Ĉe lasta kunveno, kvindek-kelkjara laboristo S-ro Oĉiai, surprizegis per legado de salutvortoj verkitaj de li mem. Post $2^1/_2$ monata lernado maljuna japana laboristo povas do sin komprenigi en Esperanto. Jen pruvo ke nia lingvo povas esti facile lernata de ekstrem-orientanoj malgraŭ ĝia manko kelkfoje riproĉata de ekstrem-orientaj radikoj. Multaj artikoloj kaj kurso de S-ro Joshi H. Ishiguro aperis en la gazetoj de Nagoya. La manifesto de la Ĝeneva konferenco estis tradukita japane kaj disdonita al 36 altgradaj lernejoj.

La Ĉun Hua Publika Lernejo kaj la Ĉin-Ĉon Liceo en Shanghai malfermis kurson (tiu lasta kun 140 lernantoj) sub gvido de K-do Eĉeno. S-ro K. Ĉ. Ŝan fondis perkorespondan lernejon.

La movado progresas en Bombay (Hindio) kie S-roj Prasad kaj Divekar propagandas.

En Ĝenevo dum la kunsido de la Ligo de Nacioj okazis vespermanĝo honore al la Aziaj (ĉina, japana kaj persa) delegitaroj ĉe la Ligo. Paroladis pri aŭ en Esperanto S-roj Moriaud, Okujama, Ĉeu-vaj, Privat, Ajusava kaj Senatano Lafontaine. S-ro Ajusava anoncis ke la japana junularo konsideras Esperanton kiel grandan progreson homaran kaj ekinteresiĝas ĉie pri ĝi. D-ro Ĉeu-vaj informis, ke le ĥina registaro devis dekobligi la kursojn pri Esperanto ĉe la Universitato en Peking, kie nun du mil studentoj lernas la lingvon. La persa registaro elektis specialan komisionon por ekzameni la enkondukon de Esperanto en lernejoj.

# VII. Kongreso de Italaj Esperantistoj.

Trieste 20an — 23an de septembro 1922. En la vasta salono de la komerca ĉambro, riĉe ornamita per esperantaj flagoj, palmoj kaj per la busto de nia Majstro, okazis antaŭ multenombra ĉeestantaro, la VIIa kongreso de italaj esperantistoj. Ĉeestis la oficialaj delegitoj de la guberniestro, de la ministrejo por poŝtaj kaj telegrafaj aferoj, de la urbestro kaj la prezidanto de la komerca ĉambro.

Prezidanto de organiza komitato D-ro Arturo Ghez malfermis la kongreson per elokventa parolado, per kiu li dankis la oficialajn delegitojn, la reprezentantojn de la lokaj kulturaj societoj, de la preso kaj parolis pri la altaj celoj de Esperanto. Lin sekvis Asesoro Prof. Du Ban parolante en nomo de la urbestro, Kav. Prof. Lizier en nomo de la guberniestro, Kom. Pascoli en nomo de la poŝt- kaj telegrafa ministrejo kaj prezidanto de komerca ĉambro, Kom. Venezian. Sekvis longa vico da delegitoj de preskaŭ ĉiuj pli grandaj urboj de Italujo. Grandan surprizon ekcitis delegito de malgranda insulo Saseno kiu igis Prezidanton de komerca ĉambro ekdiri: Sed ĉi tie estas hodiaŭ tuta Italujo.

Je la fino de la kunsido havis lokon la elekto de la kongresaj oficoj: estis elektitaj: Prezidanto: Generalo Markizo de Montezemolo; vicprezidantoj: Kom. Stromboli kaj Pastro Prof. Meazzini; sekretarioj: Kav. D-ro Polidori, Prof. Toschi kaj Elio Migliorini. Post la fermo de la kunsido, la kongresanoj iris al katedralo por meti laŭran girlandon sur la tabulo memoriganta la glorajn heroojn de Trieste mortintajn por la liberigo de la patrolando. Posttagmeze, post mallonga kunsido pri itala federacio, okazis la vizito al la Specimena Foiro kaj vespere granda muzika kaj drama prezentado en teatro Filodrammatico. F-ino Lutta kantis esperante; Kav. Vaona deklamis la prologon de konata komedio de Giacosa „Partita a scacchi". Sekvis fama violonludisto Barison kaj aliaj teatraj gekantistoj. Finis la belan vesperon esperanta farso de D-ro Ghez „Aventuro de karnavalo" tre bone ludita de gesamideanoj F-inoj Asquini kaj Abranek, S-roj Zach kaj Taticek.

La 21an de septembro matene kaj posttagmeze laboraj kunsidoj: vespere bankedo en la salono „Tina di Lorenzo" al kiu partoprenis, krom la oficialaj delegitoj, preskaŭ ĉiuj gekongresanoj: oni ludis nian himnon ege aplaŭdita de ĉiuj ĉeestantoj. Dum la tria tago okazis ekskurso al famaj grotoj de Postumia; la fervoja direkcio metis je dispono de gekongresanoj apartan vagonon. En Postumia, post komuna tagmanĝo, salutis en la grotoj Prof. Urbanaz, finante sian paroladon esperante: respondis esperante D-ro Ghez, Kav. Vaona, D-ro Stromboli kaj Gen. Montezemolo. La gazetaro raportis detale kaj favore. La estonta kongreso okazos en Terni.

# Monumento Zamenhofa.

La Art-konkurso por monumento kiun organizis la loka Varsovia Komitato, elvekis grandan intereson inter la polaj artistoj kaj skulptistoj. Oni memoros ke la loka komitato invitis la helpon de la Varsovia Asocio „Skulpto" por la organizo de la konkurso.

Tiu asocio forsendis specialan cirkuleron subskribitan de ĝia prezidanto kaj sekretario al ĉiuj polaj art- kaj skulptasocioj. En ĝi oni donis ĉiujn detalojn pri la konkurso kaj oferis du premiojn; La 1a premio £ 12 kaj la 2a premio £ 6. Rezultis ke 18 artistoj partoprenis en la konkurso kaj la unua premio estis aljuĝita al skulptisto el Posen (Poznania). Kelkaj el la aliaj konkursaĵoj estas ankoraŭ sub la konsiderado de la juĝantaro por la aljuĝo de la 2a premio. D-ro Robin la prezidanto de la loka komitato skribas entuziasme pri la unua premiita verko kaj certigas ke la tutmonda Esperantistaro nepre ŝatos ĝin kaj admiros la verkon kiam ĝi estos submetita al ili.

Oni jam povas koncepti la grandan meriton de ĉiuj konkursaĵoj per la fakto ke la komitato nun konsideras reteni la rajton de almenaŭ tri aliaj verkoj kiel la propraĵo de la Esperantistaro, ĉar la komitato konsideras ke ankaŭ tiuj povas esti utiligotaj por aliaj celoj.

*J. D. Applebaum*, Hon. Sek. de la Organiza Komitato.

*Lastmomente ni sciiĝas oficiale, ke la pola registaro permesas nur fikson de memortabulo sur la muro de la Zamenhofa domo, sed ne monumenton en la urbo; ĝi devos esti do sur la tombo.*

*(Red.)*

# TRA LA FAKOJ

## Komerco.

La Foira Konferenco okazinta dum la 14a Internacia Kongreso en Helsinki kunvenigis reprezentantojn de 13 foiroj el 9 landoj. Gvidis la Konferencon: P.: Prof. D-ro Dietterle, VP: S-roj L. Tell kaj A. Pino, S: S-roj R. Kreuz kaj K. Ojala.

En la unua kunsido okazis ĝenerala priparolo pri la karaktero kaj organizo de la diversaj foiroj kaj pri la ebleco de ĝenerala kunlaboro. Estas konstatite, ke ĉie la cirkonstancoj estas variaj kaj ke oni sekve de tio ne povas devige decidi. La proponojn oni do konsideros nur kiel dezirojn.

En la dua kunsido oni pritraktis la proponojn de la foiro de Reichenberg kaj decidis jene kun ĉi supra rezervo:

1. Ke la foiroj ankoraŭ havantaj nefirmajn foirdatojn fiksu ilin tiamaniere ke la aliaj foiroj kun firmaj datoj ne havu malavantaĝojn.

2. Konsiderante la komunan kultur-celon la internaciaj foiroj servu unu al alia tiamaniere ke ili reciproke interŝanĝu ĉiujn foir-presaĵojn kaj laŭeble informu pri aliaj foiroj. Pri tiu fakto oni informu la publikon en la oficialaj organoj.

3. Ke la diversaj foiroj estu pretaj laŭeble akceli peticiojn ktp. de eksterlandaj foiroj ĉe la registaro de sia lando.

4. La foiroj sendu peticion komunan al la Universala Poŝta Unio por havigi al si rabaton por la sendkostoj de foirpresaĵoj. Oni komisias la prezidanton pri la redakto de la skribaĵo. Konforme al la kutimoj de l' koncerna lando tiu ĉi skribaĵo estu sendata kune kun la laŭvorta traduko en nacia lingvo al la Poŝta Unio je tago ankoraŭ fiksota aŭ al la kompetenta registara institucio por perado.

La propono de Reichenberg fondi Asocion de Internaciaj Foiroj estas konsiderata kiel neefektivigebla pro multaj speciale ekonomiaj vidpunktoj.

Plie estas decidite ke en venonta printempo denove estu kunvokata tia foira konferenco kaj la direkcio de la Foiro en Frankfurt a. M. estas petata preni sur sin la inviton. Por prepari la konferencon oni starigis komisionon konsistantan el P: R. Kreuz, S.: S-ro L. Tell; kunsidantoj: P-ro Inĝ. Scholze, G. Saggiori.

Okazis bankedo brile aranĝita de la Foira Direkcio de Helsinki.

## Liberpensuloj kaj Monistoj.

Dum la XI-a germana esperanto-kongreso, pentekosto 1922 en Breslaŭ estas fondita de monistoj, nova unuiĝo, sub la nomo: Internacia Esperanta Ligo de Liberpensuloj kaj Monistoj. La celoj estas: kunigi la koncernajn samideanojn, disvastigi Esperanton inter liberpensaj kaj monistaj rondoj, aranĝi fakkunsidojn, je la diversaj naciaj kaj internaciaj kongresoj, eldoni gazeton. La ligo estas neŭtrala al politiko kaj nacieco. La kotizaĵoj 1922 estas por germanoj 10 germ. Mk., por alialandanoj 20 germ. Mk. S-ro Kurt Hubricht, Leipzig-Neŭstadt, Mariannenstr. 30, III r., poŝtĉekkonto 43808 Leipzig, estas en Breslaŭ komisiita, prizorgi la aferojn de la nova unuiĝo.

## Laboristoj.

Fondiĝis Federacio de Laboristoj en Nederlando por praktike uzi Esperanton. Ĝi deziras ricevi el eksterlando interesajn informojn pri socialaj, ekonomiaj aŭ politikaj okazintaĵoj. Adreso: G. P. de Bruin, sekretario, Alleeweg 9, Enscheda.

## Tramvojistoj.

La „Tramvojista Unuiĝo Esperanta" en Wien alvokas ĉiujn samideanojn ke ili propagandu Esperanton al la tramoficistoj de ilia urbo. Peto cirkuleron de S-ro Karl Wessely, konduktoro, Wien XII, Steinhagegasse 3, II.

## Pacifistoj.

Tiun ĉi jaron mi vizitis du fakajn kunvenojn, la vegetaran kaj la pacifistan kaj ĉe ambaŭ mi bedaŭrinde konstatis, ke oni ne sufiĉe preparis ilin. Mi ne intencas

iun kulpigi, ĉar mi estis same, eĉ pli kulpa ol la aliaj. Nur kelkaj partoprenintoj laboris fantaŭe por tiuj kunvenoj. Dum la pacifista kunveno oni decidis klopodi disvastigi Esperanton en la naciaj pac-unuiĝoj kaj informi la esperantistojn pri la naciaj porpacaj movadoj.

Komitato estis elektata, konsistanta el la sekvontaj personoj: F-ino Riley por Anglujo, D-ro H. Arnholdt por Germanujo, D-ro A. Bischitzky por Ĉeĥoslovakujo, F-ino Marg. Noll por Danujo, S-ro Aarne Selinheimi por Finnlando kaj mi por Nederlando.

D-ro Arnholdt, kiu prezidis la kunvenon, insistis por ke almenaŭ la komitato laboru!

Rehejmiĝinte mi turnis min al la Nederlanda „Unuiĝo por Ligo de Nacioj kaj Paco" kaj post interkorespondado kun la estraro, ĉi tiu invitis min paroli pri Esperanto en sia ĝenerala kunveno de la 7a de oktobro. La ĉeestantoj montris multan intereson, sed la prezidanto, Mr. Lemburg, diris, ke li simpatiis kun la principoj, sed ke la Unuiĝo mem ne povos preni ian decidon tiel longe ke la Ligo de Nacioj ne faris tion.

Post la fermo de ĉi tiu kunveno ĝi fariĝis publika kaj Prof. Eysinga, ĵus reveninta el Genève, parolis pri la tria kunsido de la Ligo de Nacioj, ne menciante per unu vorto Esperanton.

*Julia Isbrücker.*

### Katolikoj.

La libraro katolika de Abato Peltier, ĝis nun ĉe Presa Societo, estas translokita ĉe S-ro Pierre J. A. Muffang, 14bis Avenue Galois, Bourg-la-Reine, Seine, Francio. Senpaga katalogo estas plezure sendata al ĉiu katolika esperantisto.

La „Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista" okazigis la 19 an ĝis 23an de aŭgusto en Nymegen [Nederlando] sian sepan kongreson, kiu bone sukcesis. Post pritraktado kaj oficiala akcepto de la diversaj regularoj de I. K. U. E., oni elektis la ĉefestraron: prezidanto Prof. Meŝtan [Wien], vicprezidanto F-ino Larroche [Paris], sekretario S-ro P. Schendeler [Eindholen, Nederlando], vicsekretario S-ro Hookham [London]. El la diversaj kongresaj decidoj precipe estas citinda la elekto de speciala komisiono por teknika katolika vortaro, kiu kunlaboros kun la sekcio por la teknikaj kaj sciencaj vortaroj. Plue oni komencis la tradukon de la „Nova Testamento" kaj de la ĉefaj katolikaj preĝoj.

# Tra la Gazetaro.

**L' Esperanto** *(S. Vito al Tagliamento)* enhavas interesan artikolon de S-ro G. Wilken pri la egipta Babela turo.

„En egiptaj juĝejoj ne malofte estas aferoj, en kiuj la demando estas skribita, ekzemple, arablingve, respondo anglalingve, pledado estas farita itallingve kaj juĝo estas skribita franclingve; — mi eĉ ne parolas pri prezentitaj dokumentoj, kiuj ofte estas skribitaj en dek malsamaj lingvoj! Vere se oni estus koninta dum la babeltura tempo kiel aranĝi aferojn egiptamaniere, eble oni estus povinta daŭrigi la konstruadon de la Babelturo! Sed ni ne forgesu ke diversnaciaj egiptanoj konatiĝas unu kun alia, amikiĝas, edziĝas, pasas kune la vivon. Kiun lingvon ili devas paroli? Mi, ekzemple, estas ruso. Mi edziĝis kun italino, tial mia vivo pasas ne nur inter rusoj, sed ankaŭ inter italoj. Nia knabineto, kiu jam babilas ruse kaj itale same bone, lernas en franca lernejo, kaj ŝi ne havas sufiĉe da tempo por lerni hejme ankaŭ rusan kaj italan lingvojn serioze, tial ŝi preferas paroli kun ni france. Ni havas du geservistojn, nome, maljunan grekan virinon, kiu parolas nur greke, kaj alian, araban knabon, kiu parolis iomete itale sed tiel malbone, ke ni preferas paroli kun li arabe. — Do kiu estas la lingvo de mia hejmo kaj kiun lingvon ni devas paroli? Salomono decidu!"

**La Progreso** (Ĉeĥoslovakio) donas konsilojn al la fantaziuloj: „Insigno, kiun ni portas en la butontruo aŭ en kravato estas propagando, sed malbone propagandas Esperanton, kiu superflue ornamas sin per Esperanto-steloj. Dum niaj kongresoj ofte oni trovas personojn, kiuj aspektas kiel vivantaj reklamiloj: sur sia ĉapelo, en butontruo, sur la poŝtuko, en brustpoŝo, sur kravato, en manumoj, ĉie oni vidas stelojn kaj oni ne povas miri se ili estas rigardataj de neesperantistoj kun mokrido. Similan manieron de propagando oni devas rifuzi, ĉar ni devas reprezenti esperantismon per nia seriozeco."

Ni dankas „La Progreso"n pri tiu bonega kaj prava atentigo. Al niaj malamikoj ne mankas okazo ĝeneraligi kaj prezenti kiel fantaziuloj ĉiujn esperantistojn, kiam ili vidas kelkajn stelkovritajn kongresanojn. Jen ekzemple traduko de artikolo aperinta en „La Tribune de Lausanne" pri la Helsingforsa Kongreso: „Pluraj centoj da esperantistoj vagadis sub la moka kaj amuzita rigardo de la indiĝenoj restintaj enurbe pro alia okupo. Ĉiuj estis abunde dekoritaj per insignoj esperkoloraj: verda flago sur la ĉapelo, verda banto ĉe la butontruo, verda stelo, ĉiu surmetis kiom li juĝis necese por la belaspekto . . .!"

**Litova Stelo** *(Kaunas)*, kiu sin dediĉas precipe al la konigo de Litovio eksterlande publikigas alvokon de P-ro D-ro Dietterle pri internacia mondliteraturo:

„La firmo Hirt kaj Filo en Leipzig montras grandan intereson por nia movado: ĝi jam eldonas bonajn esperantaĵojn kaj ĝi jam antaŭ kelkaj monatoj konsentis mian planon krei specialan fakon por „Internacia Mondliteraturo".

Mi proponis jenajn principojn:

1e Oni akceptu nur verkojn, kiuj estas vere valoraj laŭ literatura vidpunkto. Ĉu iu verko estas tia, pri tio decidu la samnacianoj mem de la elektota verko.

2e Oni komisiu la tradukon de iu ajn verko nur al ano de sama nacio, al kies literaturo la verko apartenas.

3e Oni zorgu, ke kiel eble plej multaj — se eble ĉiuj civilizitaj — nacioj estu reprezentataj en la entrepreno de „Internacia Mondliteraturo".

4e Oni komence ne elektu — por atingi la celon de la 3a punkto — tro longajn verkojn.

5e Oni eldonu en unu volumo nur verkojn de unu aŭtoro kaj nomu la volumon laŭ li, ne laŭ tradukinto, kio ŝajnas al mi tre malaprobinda kutimo.

6e Oni komence ne entreprenu tro multon t. e. oni ne traduku ĉiuspecajn verkojn, sed — tion mi proponas pro la nuna stato de nia movado — nur beletristikajn verkojn, ekz. novelojn, rakontojn, mallongajn romanojn k. c. Pli malfrue oni ja povos decidi pri la traduko de ekz. ĉiuspecaj sciencaj verkoj k. a.

Kompreneble la firmo laŭdece kompensos la laboron de la tradukantoj. Mi petas, ke ĉiuj kiuj volas partopreni al nia laboro nepre necesa por la esperantistaro konigu sian nomon kaj samtempe skribu kion ili volas traduki. Estas plue rekomendinde ke se ili ne jam estas konataj kiel lertaj tradukistoj, ke ili sendu poste parton de sia tradukaĵo, laŭ kiu oni povas juĝi pri ilia lerteco, ĉar ni povas akcepti nur bonajn tradukojn.

**Novaj Tempoj** (E. Vittecoq, Sassetot par Bacqueville. Seine Inférieure, Francio) sendis cirkuleron kiu enhavas tre interesan proponon. Kelkaj gazetoj, ĝi diras, havas preskaŭ la saman celon. Kial ne unuigi ilin? Ekzistas nuntempe 6 jenaj gazetoj, kiuj unuigitaj estus pli interesaj kaj povus pli facile vivi: *Internacia Pedagogia Revuo* (organo de l' esperantistaj edukistoj), *Nova tempo* (organo de pacifista kulturcelado), *L' Esperantismo* (dediĉata al la „interna ideo" kaj organo de la popoluniversitato esperantista), *Unuigita Tuthomaro* (dediĉita al homaranismo), *La Teristo* (organo de individualista naturismo), *Novaj Tempoj* (organo de popoledukado.)*)

**Ukrajna Stelo** informas ke la pola registaro malpermesas ĝian aperon. Ni esperas ke tiu decido nuliĝos.

* * *

Ni ricevis jenan leteron el malproksimega insulo Java.

De tempo al tempo mi ricevas numerojn de diversaj esperantaj gazetoj ne tre regule aperantaj, kaj ofte mi legas en ili peton por apogo. Mi do konkludas ke, grandparte, la gazetoj suferas je kronika malsano pro monmanko. Plie, vidante la nombron de membroj en kelkaj landoj, la apero fariĝas enigmo. Estas do necese, ke la esperantistoj en tiuj landoj ĉiam estas devigitaj donaci monon al la eldonistoj.

Mi pripensas, kiom da mono tiamaniere preskaŭ senutile estas foruzita. Oni nature respondos al mi, ke la apero estas necesa por la propagando. Sed mi respondas, ke la rezultato estas malgranda por tiom da mono, ĉar la plej granda parto de la gazetoj aperas en Esperanto kun ete malgranda angulo

*) Ni ĉiam aprobis la unuiĝon kaj alcentrigon ĉar rezultas pli granda forto. Tial ni presas la proponon de „Novaj Tempoj" esperante ke la esperanta publiko diros sian opinion al la proponinto.

en nacia lingvo. En tiu angulo oni rakontas pri la disvastigo de Esperanto sed kiu ĝin legas krom la esperantistoj mem? Eble estas senditaj numeroj al la redakcio de naciaj gazetoj. Ĉu oni vere pensas ke ĝi legas ilin? Mi timas ne, ĉar ĝi havas pli gravan laboron. Mi rimarkis ke nur tiam oni havas rezultatojn, kiam oni sendas pretajn artikolojn, kaj ofte nur post buŝa interparolado.

Kaj nun mi venas al la demando: Ĉu ne estus multe pli bone kiam ni havus unu florantan gazeton? La gazeto jam ekzistas en „Esperanto,“ sed ĝi ne floras! Kaj al tio la esperantistoj mem estas kulpaj. Se ili volus kompreni tion ni estus sur la bona vojo, eble la sola, kiu direktas al la celo.

Jam nun oni trovas en „Esperanto“ ĉion kion oni bezonas scii pri progreso; oni nur bezonas transskribi kaj sendi al naciaj gazetoj. Kaj tio estas tre malmultekosta kaj oni havos sukceson.

Oni bone pripensu la supre diritan, kaj priparolu ĝin en kunveno.

Aŭ ĉu mia alvoko estas: krio en la dezerto?

Mi vin salutas

*A. Knegt*, Banjoewangi.

# Lingvaj Studoj.

## Nun kaj antaŭ 35 jaroj.

„Kian vi ricevos miajn signojn de poŝto, estu bona akcepti ilin kiel subskriban pagon. Sidigu vin, sinjoro; ĉu vi tiel amas promeni sur la strato? Tian mi dankas por la plenumo, kaj mi iros domen. Certe mia letero eraras ie pro la malklara surskribo. La vidvino longe batalis kun la mizero, sed fine ŝi fariĝis oferaĵo de la homa malkompateco.“

La leganto, kiu miras pri la malbona stilo de la cititaj frazoj, vidu la unuan lernolibron de 1887, kaj la Fundamenton kiu plejparte enhavas lingvelementojn de 1887. Li povas mem eltrovi ke en 1887, unua jaro de ekzisto esperanta, la cititaĵoj estis perfekte bonstilaj.

Nun ni dirus iom alimaniere:

„Kiam vi ricevos miajn poŝtmarkojn, bonvolu ilin akcepti por abonpago. Sidiĝu, sinjoro; ĉu vi tiom ŝatas promeni en la strato? Tiam (do) mi dankas pri la plenumo, kaj mi iros hejmen. Certe, mia letero vagas ie pro la malklara adreso. La vidvino longe luktis kontraŭ la mizero, sed fine ŝi falis viktimo de l' homa nekompato.“

Estas malofte ga nun la unua lernolibro, do la leganto kredu, ke vere en 1887 oni uzis *kian, tian, nenian*, . . . anst. nunaj *kiam*, . . .

Sed malfermu la Fundamenton, kaj vi mem vidos cititajn arĥaismojn en la Ekzercaro §§ 22, 31, 39, 34, kaj en la Universala Vortaro pp. 22, 70, 10.

Kial Zamenhof kaj la unuaj pioniroj ne deklaris la lingvon netuŝebla, kristaliĝa? Kial ili ĝin senĉese elprovadis, senhalte adaptis al bezonoj praktikaj kaj al postuloj de la klareco?

Certe, pro la samaj kialoj, pro kiuj ni nun akceptas novajn vortojn: foto, aviado, statuo, slipo, valuto, mis-, misuzi, miskompreno, merkato, urĝa, bileto, kino, filmo, bildflanke, respondkupono, k. m. a.

Nia sankta libro, la Fundamento, restas netuŝebla kiel historia dokumento, nia kara lingvo, Esperanto, estas evoluanta kune kun la vivo.

*Petro Stojan*, L. K.

## Pri la nea frazkonstruo.

Laŭ la senco estas identaj la du frazoj: *„Mi nenie vidis vian bluan krajonon. Mi vidis vian bluan krajonon nenie.“* Sed ĉiu konsentos ke la unua estas pli taŭga en la praktiko, ĉar la esenco estas ke *„mi ne vidis krajonon.“* La dua frazo unue asertas ke „mi vidis . . .“ kaj fine neas la fakton; en tia malkonsekvenco kuŝas la netaŭgeco de la dua frazo.

Logike, tria formo de la sama aserto: *„Mi ne vidis vian bluan krajonon“* estas identa je la du unuaj, ĉar efektive, se mi ne vidis ion, mi ne vidis ĝin ie ajn, do mi nenie vidis ĝin. Sed en la komuna vivo estas grava nuanco inter la unua kaj la lasta frazo. La lasta simple asertas ke *„mi ne vidis . . .“*, la unua diras ke *„mi nenie vidis . . .“* t. e. ke mi rigardis multloke aŭ en ĉiu loko, kaj neniloke vidis . . .

La unua frazo prezentas naturan vortordon, dum la dua estas nenatura. Tamen, oni devas konstati ke, en nia movado, tiu nenatura nea frazformo estas pliofta, kvazaŭ sankciita per uzado. Malgraŭ tio, mi kredas, ke ni ĉiuj instinkte aprobas la unuan naturan parolturnon, kaj nur toleras la duan nenaturan. Mi longe serĉis de kie venis tia respekto antaŭ la kontraŭnatura esprimo, kaj ŝajnas ke ĝi venis el ĝenerala kutimo ŝati kaj imiti ĉion (bonan kaj malbonan) kio troviĝas ĉe niaj famaj stilistoj. Se ni konsultos la Fundamenton, ni tie trovos plejofte la naturan vortordon: *„Mi neniel povas kompreni . . . Li neniam dependos de la kapricoj . . . Ŝteliston neniu lasos en . . . Ni ne povis atingi ian rezultaton . . . Esperanto neniam disfalos.“* Kiam la leganto, kiu uzis nenaturan neadon nur pro blinda imito, ekscios ke la natura estas tute permesita, eĉ laŭfundamenta, tiam li povos lasi sian lingvinstinkton libera, anstataŭ ĝin sufoki kaj silentigi, sub preteksto de „la klasika stilo.“

*Petro Stojan*, L. K.

* * *

## Priseksa distingado.

En la primitiva Esperanto vortoj: *bovo, koko, kapro, hundo...*, signifis virbestojn (taureau, bull, Stier, byk; coq, cock, Hahn, petuĥ; bouc, he-goat, Bock, kozel; ktp.), analogie je *patro, frato, onklo, sinjoro*, . . . vortoj sen ia dubo virseksaj, al kiuj korespondas pronomo „li“. Zamenhof, en siaj Lingvaj Respondoj, opinias, ke eĉ al vorto *homo* pli taŭgas pronomo „li“ ol iom humiliga pronomo „ĝi“, malgraŭ ke vorto *homo* signifas sendiference viron, virinon kaj infanon, kaj nia Majstro iomete ironie mencias vorton *homino*, kiun antaŭ la milito kelkaj feminismaninoj sensukcese provis inokuli por la ĝenerala uzado.

Tamen, en la praktiko prezentiĝis okazoj kiam oni parolis pri bestoj sen distingo de sekso; en multenombro ke kiuj timeme uzis *gebovoj, gekokoj*, . . . analogie je *gepatroj, gefratoj*, . . . Sed per tiu rimedo oni ne povis, aŭ ne kuraĝis, esprimi unu-nombron.

Iom post iom, en la lingva evoluo, okazis kurioza transformiĝo; vortoj *bovo, koko*, . . . komencis signifi bestojn sen montrita sekso (bœuf, ox, Ochs, govedo), kaj por montri virsekson oni aldonadis *vir* ĉu sufiksmaniere (bovoviro, kokviro,...) ĉu prefikse (virbovo, virkoko, virkapro, virhundo). En la Fundamento estas reprezentitaj ambaŭ sistemoj, se ni komparas la kvin tradukojn de la radikoj (laŭ la konsilo de la antaŭparolo). Unuflanke ni trovas apud la radiko *bov'* tradukojn *bœuf, ox, Ochs*, (do sensekse), aliflanke ni trovas apud la sama radiko tradukojn *Stier, bull, byk* (= virbovo). Radiko *kapr'* laŭ ĉiuj kvin tradukoj estas virseksa, dum la *hund'* senseksa. Ŝajnas ke la vojo montrita de l' uzado estas praktika, ne plejofte ni ne bezonas distingi sekson parolante pri bovo, kapro, hundo, ansero, lupo, ŝafo, . . . Sed kiam sekso estas markota, tiam oni oportune ĝin markas per aldono de *vir* aŭ *in*. Laŭ analogio oni ofte diras *lernanto, doktoro, advokato, delegito*, . . . sensekse, t. e. sen diferenco ĉu ĝi estas viro, knabo aŭ virino, knabino.

*Petro Stojan*, L. K.




# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO.

**Celo:** *Disvastigi la uzadon de la internacia helplingvo Esperanto. — Plifaciligi la ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter la homoj, sen diferenco pri raso, nacieco, religio aŭ lingvo. — Krei internaciajn servojn uzeblaj de ĉiuj homoj, kies intelektaj aŭ materiaj interesoj celas trans la limojn de ilia genta aŭ lingva teritorio. — Kreskigi inter siaj membroj fortikan senton de solidareco kaj disvolvigi ĉe ili la komprenon kaj estimon por fremdaj popoloj. — UEA kunigas la samideanojn, kiuj per la forto de sia nombro kaj la utiligo de la Zamenhofa lingvo volas pruvi al la mondo, ke Esperanto vivas, taŭgas kaj progresas.*

**Servoj:** *Ĉiu membro rajtas peti informojn de la Delegitoj, uzi la servojn de la Asocio, senpage ricevi la Oficialan Jarlibron.*

**Kotizoj:** Oficiala prezo en svisaj frankoj.

*Membro (M) 5 Fr. Membro-Abonanto (MA) 12,50 Fr. Membro-Subtenanto (MS) 25 Fr. Membro Dumviva (MD) 300 Fr.* La MA, MS, kaj MD ricevas la gazeton.

**Centra Oficejo:** *12, Boulevard du Théâtre, Genève (Svislando) — Bankkonto: Société de Banque Suisse, Genève. — Poŝtĉeko: I. 2310. — Poŝtĉeko en Ĉeĥoslovakio: No. 79 236, Praha. — Poŝtĉeko en Germanio: No. 908 50, Frankfurt am Main.*

---

**Likvido de administra jaro 1922.** Pro la kunsido de la Ligo de Nacioj kaj la raporto pri Esperanto de la Sekretariaro de la Ligo, diversaj oficialaj informoj estis prokrastitaj. Ni ilin komunikas laŭorde.

a) **Membroj 1922.** Ĝis fino de septembro aliĝis al UEA 29 helpmembroj, 1392 membroj, 4286 membro-abonantoj kaj 127 membro-subtenantoj. Entute 5834 membroj. Ni plezure konstatas ke je la fino de la administra jaro (oktobro 1922) la 6000 estas atingataj.

b) **Subtenantoj.** Depost la sepa listo la jenaj personoj bonvolis aliĝi kiel membro-subtenantoj. (Listo 8—11.)

117. S-ro L. Wallace, Louisville, Usono; 118. Sennoma; 119. S-ino Sauerbier, Scheveningen, Nederlando; 120. S-ro Bengt Arré, Linköping Svedio; 121. S-ro E. B. Walker, Porthcurnow Corn. Angl.; 122. S-ro E. Wüster, Charlottenburg; 123. S-ro Vaclav Stary, Wien; 124. S-ro Larsen, Brönderslev, Dan.; 125. S-ro St. Wojciechewski, Jaroslaw, Pol.; 126. S-ro M. Trenner, Wien; 127. De Vries, Ross Nurseries, S. Afriko; 128. S-ro C. D. Boersma, Krian, Ned. Indio; 129. F-ino Belen Fernandez, Habana.

c) **Jarlibro 1922.** Membroj ne ricevintaj tiun eldonaĵon bonvolu komuniki tion al ni. Revenis ĉirkaŭ 50 jarlibroj el kiuj ni povis ree sendi la duonon.

**Garantia kapitalo.**

*Dua serio:*

| | Frankoj |
|---|---|
| Antaŭa listo: | 2700.— |
| 10. S-ro J. W. Huysman, Vlissingen . . . . . . . . | 300.— |
| | Fr. 3000.— |

* * *

**Administra jaro 1923.** Kiel kutime ni informos niajn delegitojn pri ĉio koncerne ilian agadon, per bulteno. Ĝi eliras dum novembro 1922 kun aldono de bezona formularo.

**Jarlibro 1923** (Interrilata Adresaro). Kiel dum la pasintaj jaroj ni ree publikigos adresojn de korespondemaj samideanoj pagintaj la kotizon de M, MA, aŭ MS ĝis 31a decembro 1922 (transoceanaj landoj 31a januaro 1923). La dumvivaj membroj rajtas enskribon sen plia pago. La kondiĉoj restas la samaj; ni akceptas nur tiajn petojn pri publikigo, kiuj estas skribitaj sur speciala folio, ricevebla de la delegito. Ni aldonas ekzempleron en ĉi tiu numero.

**Delegitoj en Ruslando.** Ni informas, ke la restarigo de niaj servoj en Ruslando, tiom kiom permesas la cirkonstancoj, estas konfidata al nia Ĉefdelegito kaj Komitatano, S-ro Stanislav Szabuniewicz en Moskva (Poŝtkesto 663). Informo aperinta en Bulteno de S. E. S. S. (Sovjeta Esperanto-Servo) pri interkonsento de UEA kun ĝi, neniel respondas al faktoj; ni ne ricevis iun proponon de tiu societo.

**Delegitoj.** Delegitoj estas elektitaj en jenaj lokoj:

*Cernăuti* (Rumanio, Bukovino). — D.: S-ro Boris Lebidinski, lernanto, strada Română 45 bis.

*Chiŝineŭ* (Rumanio, Transilvanio). — D.: S-ro Stefano Kotzka jr., komercisto via Arad.
VD.: S-ro Ludoviko Fodor, notarioficisto via Arad.

*Coswig* (Germanio, Sachsen). — D.: S-ro Gerhard Nicolai, orkidea kulturisto, Paradiesgarten.

*Eichwald* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro August Schuster, glasvendisto, Neu-Tischau.

*Fukuoka* (Japanio). — D.: S-ro Tokunosuke Itoo, prof. de fiziko, Zigyoniŝimaĉi 5.

*Guadix* (Hispanio, Granada). — D.: S-ro Juan Recover Ruzafa, konfitisto, Confiteria, Plaza de la Constitucion.
VD.: S-ro Antono Sierra y Leiva, pastro, calle del Duende 5.

*Jaroslaw* (Polio, Malopolska). — D.: S-ro Ludvik Fischer, gimnaziano, ul. Slowackiego 9.

*Kaarepere* (Estonio). — D.: S-ro Eduard Tamm, Nava-Andresse.

*Kutna hora* (Ĉeĥoslovakio, Bohemio). — D.: S-ro Alois Horaĉek, faka instruisto, Janske nameŝti 521.

*Leszno* (Polio, Poznanskie). — D.: S-ro Marjan Grodzki, komercisto, Rynek 26/7.

*Livorno* (Italio). — D.: S-ro Otello Nani, inĝeniero „Elettrificazione F. S.", Palazzo Camera di Commercio.

*Melun* (Francio, S. et. M.). — D.: S-ro Arsène Perrin, automobilveturoj, 2, rue des Cloches.

*Necochea* (Argentino, B. A.). — D.: S-ro Eladio Vitienes, komizo, „Blanco y Negro".

*Novonikolaevsk* (Siberio). — D.: S-ro Filipp Viŝnjakov, teknikisto, do vostrebovania.
VD.: S-ro Petr Skovorodov, teknikisto, do vostrebovania.

*Odorhei* (Rumanio, Transilvanio). — D.: S-ro Gyula Szabo tapetisto, str. Princ. Elisabeta 18.

*Orizaba* (Meksikio Veracruz). — D.: S-ro Antonio Gallardo-Mendez, metaltornisto, av. Hidalgo 71.

*Osaka* (Japanio). — D.: S-ro Kunitaro Fukuta, oficisto, Kyodo Fire Insurance Co., Umedashimmichi, Kitaku.
VD.: S-ro Tadashi Ajsaka, ĵurnalisto, Kokusai Tsushinsha, Koraibashi, Higashiku.

*Parola* (Finnlando, Hämeenlinna). — D.: S-ro Toivo Adrian Lindberg, fervojoficisto.

*Petriĉ* (Bulgario, Petriĉa). — D.: S-ro Teodor K. Popov, lernanto, ul. Glavna 51.

*Port Said* (Egiptio). — D.: S-ro C. M. Cather, librotenisto, c/o Mr. James Slavick.

*Rieden* (Svislando, Aargau). — D.: S-ro Alfred Egg, 217, Landstrasse, Post U., Nussbaumen.

*Seminole* (Usono, Oklahoma). — D.: S-ro E. Elmer Stephens, presisto, Box 191.

*Sieradz* (Polio, Lodz). — D.: S-ro Jozef Sztulman, lernanto, ul. Tadeusza Kosciuszki.

*Tabriz* (Persio, Azerbaiĝan). — D.: S-ro Ali-Akber Nemseĉi, tapiŝ-komercisto, 24, Ŝeŝlan.

*Totjma* (Ruslando, Vologda gub.). — D.: S-ro N. S. Riŝkov-Makeev, Lesnaja ŝkola.

*Ufa* (Ruslando, Baŝkirio). — D.: S-ro Nikolaj Foss, veterinaro, Puŝkinskaja 77.
VD.: S-ro Nikolaj Krassovskij, termezuristo, Poŝtkesto 24, Rabkrin.

*Vienne* (Francio, Isère). — D.: S-ro André Moussier, lignokomerco, 160, rue d' Avignon.
VD.: S-ro François Monpéroux, riprezentanto, 13, r. d. Gère.

*Znojmo* (Ĉeĥoslovakio, Moravio). — D.: S-ro Vaclav Ŝibrava, sekretario, Zelenařska 20.
Lokoj kun pluraj nomoj: Cernâuti = Czernowitz; Kisjenö = Chiŝineŭ; Znaim = Znojmo; Odorhei = Székelyudvarhely.

**La supraj elektoj fariĝas valoraj, se ĝis 30 tagoj post la nuna publikigo neniu membro protestas pro gravaj kaŭzoj. Intertempe la novaj D. kaj VD. agas provizore.**

**Ŝanĝoj.**

**Melbourne** (Aŭstralio). — VD.: S-ro Roy R. Rawson, 212, Swanston Street. Provizore ne plu estas Del. en jenaj lokoj: *Bardonecchia*(Italio); *Comloŝul-Mare*(Rumanio); *Fairbank*(Alaska); *Groningen* (Nederlando); *Lipton* (Kanado); *Nömme* (Estonio); *Novi Pazar* (Serbio); *Port-Harcourt* (Nigeria); *Porto Alegre* (Brazilo); *Reutlingen* (Germanio); *Rogatica* (Jugoslavio); *Sainville* (Francio); *Tarnow* (Polio); *Valladolid* (Hisp.); *Vlissingen* (Nederlando); *Wettingen* (Svislando).

**Danko.** La Centra Oficejo esprimas per tio ĉi koran dankon al la samideanoj-membroj en Melbourne (Aŭstralio) kiuj sendis per nia Ĉefdelegito S-ro Ballard diversajn monhelpojn kies sumo estas pli ol 500 Frankoj. Jen ekzemplo de kompreno por la situacio de nia Asocio, rekomendata al ĉiuj bonvolemaj samideanoj.

*Genève*, 20ª de oktobro 1922.

*H. Jakob,*
Ĝenerala Sekretario de UEA.

---

# Spertoj de Ĉefdelegito.

La rolo de ĉefdelegito estas same kiel tiu de UEA duobla, jen administra, jen praktika. Konforme al tio, ĉefdelegito devas servi en ambaŭ sferoj. La esperanto-movado en mia teritorio ne jam estas sufiĉe forta. Pro tio mia administra laboro estis limigita nur je ĝenerala propagando por UEA, respondo al administraj petoj, perado de korespondaĵoj, preparo kaj surkonstruo de estonte taŭge uzebla organizo. Aliflanke konsiderante, ke UEA kaj ĝia delegito havas ankaŭ kaj antaŭ ĉio praktikan mision, mian specialan atenton havis la praktika uzo de Esperanto. Krom la foira propagando, kiun mi pritraktas aparte, mia komerca laboro atingis grandan amplekson. Mi faris 44 gravajn komercajn servojn, peradis ofertojn, aĉeton kaj vendon de jenaj artikoloj: papero, premita kartono, metal-artikloj, kuiriloj, objektoj el aluminio, forkoj, tranĉiloj, purigo-ŝmiraĵoj, teksaĵoj, lampoj, elektraj akcesoraĵoj, bildoj, malgrandaj maŝinoj, libroj kaj presaĵoj. Ĝenerale mi povis konstati, ke la rezulto el tiu ĉi laboro estis kontentiga. Temporaba kaj pena estis la mekanika laboro kaj la korespondado komerca kaj teknika. La lasta kreis kelkafoje malfacilajn taskojn je lingva vidpunkto en la reproduktigo de teknikaj priskriboj ktp. Sed mi povas diri, ke el ĉiuj malfacilaĵoj mi povis elturniĝi.

La plenumo pruvas, ke Esperanto estas taŭga kaj praktike uzebla helpa lingvo. La konstanta uzo normaligas la esprimmanieron. Ĝi plibonigas la lingvon rilate al stilo kaj flueco. Ju pli granda estas la aro de uzantoj, des pli granda estas la pretendo al la lingvo mem. La solvoj el la praktiko perfektigas la lingvon je pli alta grado. Rezultiĝas el tio la postulo je

*pli ampleksa apliko de Esperanto en la praktiko.*

En tiu ĉi direkto ni post la milito povas konstati ioman progreson. Oni jam uzas Esperanton por praktikaj bezonoj. Sed tiu ĉi laboro estas ankoraŭ pionira pro tio, ke mankas ankoraŭ la ĝenerala enkonduko de la helpa lingvo. Sed ni komprenu bone, ke la enkonduko de nia lingvo dependas de la utilo, kiun ĝi havigas. Estas ĝojiga fakto, ke la instruado de Esperanto estas kondukata sur novajn vojojn. La nova organizo promesas pli profundan scion de la lingvo, garantias la laŭcelan edukon de la lernanto. Sed la plej bonaj instruado kaj lernado neniel utilas, se mankas la praktikaj uzo kaj spertoj, kiujn nur la apliko povas havigi. Ni konstatas tion jam en la nacilingva lernado. Kaj krome la apliko, la uzado nur donas impulson al la idiomo, vivigas kaj evoluciigas ĝin. Ni vidas do, ke la malgrandaj grupoj de teoriuloj kaj praktikuloj devas plenumi gravajn taskojn en nia movado. La unuaj devas instrui kaj eduki la adeptojn, la aliaj devas ilin enkonduki en la praktikon. La problemo estas ĉiam ligata al la lingvo mem. Mi ne parolas pri la instruado. Tiu estas afero de la fakuloj pri instruo. Por mi la praktika apliko estas la ĉefa punkto. Tiujn, kiuj laboras en tiu ĉi afero ni devas disigi en du grupojn, en tiun, kiu agadas *por* Esperanto kaj en tiun, kiu laboras per Esperanto. Ambaŭ grupoj kontaktiĝas, sed ne ĉie iras saman vojon. La tasko de la unua estas kolekti la fortojn en niaj vicoj, organizi ilin kaj alkonduki al la dua grupo. La taskojn de la peresperanta laboro kreos la vivo mem. Pro tio ĝisplue la gvidantoj de la du grupoj devas zorgi pri reciproka interrilatigo kaj kunigo de la aplikantoj. La unua grupo konsekvence havas pli multeflankan laboron. Ĝi devas konkeri novajn aferojn, ĝi devas esplori novajn ilojn por progresigi la uzon. Sed ĝi havas ankaŭ lingvajn taskojn. Ĝi devas kolekti la lingvan materialon por tiuj, kiuj aplikonte Esperanton pligrandigos kaj riĉigos la amason de praktikistoj. Estas plue ĝojiga fakto, ke la observanto de tiu ĉi agado povas konstati ekkomencon tiucelan. En Praha okazis la unua komercista konferenco, krom la speciala foira kunveno, unuan fojon kunvokita. En Helsinki oni provis plibonigon de la nuna stato sur bazo de apogo al la ĝenerala movado. Evidente UEA ludos gravan rolon en tiu ĉi entrepreno. Ĝi ĝis nun ja estas la sola, vere ekzistanta kaj taŭga internacia esperanto-organizo. Estas devo de ĉiu membro de UEA akceli la surkonstruon de la praktika laboro. Ke tio ankoraŭ postulas multan penon, obstinon kaj entuziasmon, sed seriozan, ne sentimentalan, mi verŝajne ne bezonas speciale akcenti. Tiam nur ni atingos nian celon kaj la verko de la pioniroj de UEA estos kronata.

*Robert Kreuz,* Frankfurt a. M.



## TRA LA FILATELIO



Internacia Ekspozicio de Poŝtmarkoj
Genève 3a—12a de septembro 1922.

La ekspoziciejo troviĝis en la *„Salle Communale de Plainpalais"* (komunuma salono) taŭga kaj inda loko. Partoprenis oficiale 4 registaroj eksterkonkurse: Svislando, Pollando, Francio kaj Hispanio. Ne facile estas priskribi tiun ekspozicion, kiu laŭ aranĝo kaj enhavo superis la atendojn. Rimarkindan kolekton de ĉiuj britaj koloniaj poŝtmarkoj de nuna tempo, ekspozis svisa kolektanto, S-ro A. D. Jenny el Zihlschlacht. Unika estas la maniero kiel li kunigis tiun vere belan, per ora medalo kronitan, kolekton. Ĉiun specon, ĉu de Newfoundland, ĉu de Straits Settlements, de Sarawak aŭ kie ajn estas la loko, li venigis senpere, skribante al la *„Postmaster"*; tiel la kolekto fariĝas vera trezoro, konsiderante la kvanton de laboro, geografia kaj poŝttrafika kono kiun ĝi necesigis. Alia interesa ekspoziciaĵo estas de pola kolektanto: ĉio rilatan je poŝta trafiko en sia lando, dekretoj, internaj formuloj, poŝtmarkoj, provoj, leterkovertoj kaj multaj aliaj objektoj, laŭsence aranĝitaj. La franca registaro, sur spaco de 50 m montris ĉiujn poŝtmarkojn, inkluzive koloniajn, kaj poŝtajn formulojn. En venonta artikoleto ni revenos je tiu ĉi ekspozicio, tre interesa kaj bonsukcesinta.

---

**Ruĝa Kruco.** Okaze de la kongreso en Finnlando ni hazarde trovis ruĝkrucan poŝtmarkon valoro je 1 Fmk + 50 Penni, por la R. K. Grandeco 21 : 25 mm altformate griza ovalo kun ruĝa kruco kaj la finnlanda leono. Supre *Suomi* malsupre *Finnland*. Afrankebla nur enlande.

**Pro Juventute.** Sub tiu ĉi titolo aperas ĉiujare en Svislando serio da poŝtmarkoj, vendataj kun aldona pago, profite de bonfara verko „Por la juneco". Dum decembro 1922 aperos 4 kun la blazonoj de la kantonoj Zug, Freiburg kaj Luzern; la kvara kun la federala kruco kaj simboliga desegno pri la batalo de Sempach. La serioj de pasintaj jaroj montris la blazonojn de Uri, Genève, Nidwalden, Vaud, Obwalden, Schwyz, Zürich, Ticino, Valais kaj Bern. — La valoroj estas 5, 10, 20, 40 centimoj, vendataj por 10, 15, 25 kaj 50 centimoj. Tiuj poŝtmarkoj estas uzeblaj nur por certaj aliaj landoj, konigataj dum decembro. Laŭ arta vidpunkto la ideo kaj la produktaĵo estas gratulindaj; ili formas kune serion de heraldikaj emblemoj neofte trovebla ĉe poŝtmarkoj en simile perfekta ellaboro. La desegnisto estas konata heraldika artisto Rudolf Münger el Bern.

**Novaĵoj.** *Barbuda.* (brita kolonio). Valoroj ½, 1, 2, 2½, 3, 6 pencoj 1 ŝil. Uzata la serio de *Leeward Insuloj* kun surpreso Barbuda.

*Germanio.* 75 pf. kompletiĝo al la serio kun ciferoj.

*Kostarica.* Surpreso „Cafe de Costarica" sur la ordinare kursantaj markoj; memorigo al la centjara datreveno de enkonduko de kafoplantado.

*Monako.* Bildserio de 25, 50 centimoj kaj 5 franka marko je la honoro de princo Albert I, fondinto de la Oceanografia Muzeo mortinta dum junio.

*Luksemburgo.* Plia valoro de 80 centimoj kun bildo de grandukino Charlotte.

*Italio.* Serio honore al patrioto Giuseppe Mazzini; valoroj 25, 40, 80 centesimi. La poŝtmarkoj estas vendataj laŭdire nur en Bologna, Genova kaj Roma kaj valoras nur ĝis 31a da oktobro.

La kreskantan intereson, ankaŭ ĉe la nekolektanta publiko por la filatelio pruvas la fakto ke du gravaj taggazetoj svisaj (Basler Nationalzeitung kaj Neue Züricher Zeitung) enkondukis semajnan rubrikon pri poŝtmarko-kolektado. En aliaj tagaj gazetoj oni trovas de tempo al tempo mallongajn artikolojn filateliajn. Ni danke akceptas tiajn eltranĉaĵojn kiujn ni laŭeble povus uzi; niaj legantoj bonvolus tion memori ĉe taŭga okazo.

# Esperantista Literatura Asocio.

*Novembra raporto.*

Nia diligenta kolegaro
En laboro paca ne laciĝos

La N-roj 95 kaj 96 de „Esperanto Triumfonta" enhavas rimarkindajn artikolojn pri nia literaturo. Ĉar E. L. A. estas unuiĝo de verkistoj ili ambaŭ treege nin interesas. Ni parolu unue la artikolon en 96 de D-ro Dietterle: „Internacia Mondliteraturo por la tutmonda Esperantistaro". La titolo jam diras la temon de la artikolo, ĝi celadas tion, kion nia Majstro ĉiam varme kaj energie rekomendis. Per la Krestomatio kaj per tradukoj el diversaj lingvoj li montris al ni la vojon al la akirota celo, ĝi estas la kreado de mondliteraturo. Pli ol unu fojon li bedaŭris la tradukon de senvalora bagatelo, li mem elektis nur bonaĵojn. Pacience li tradukis la Biblion, volonte li plenumis la peton, traduki Ifigenion, ĝoje li aprobis la aperon de Hermano kaj Doroteo, de S-ro Tadeo kaj de aliaj ĉefverkoj. La verkaro de Zamenhof estas la fundamento de nia mondliteraturo, sed ankaŭ aliaj libroj estas treege valoraj, ĉar la tradukintoj elektis famajn verkojn aŭ librojn, kiujn ili persone tre ŝatis.

Tre energie kaj celscie agadis la saĝa eldonisto de la Esperantista Biblioteko Internacia, la volumetoj de tiu ĉi kolekto ĉerpis sian enhavon el ĉiuj nacioj de la mondo, ili estas kvazaŭ la semeroj el kiuj elkreskis la arbo de nia estonta mondliteraturo.

Al la 6 punktoj de la citita artikolo de D-ro Dietterle ni nur deziras aldoni 7an, kiu deziras, ke ankaŭ nuntempaj tre aktualaj verkoj estu tradukotaj. Krom tio ni ne forgesu la originalojn. Vivanta lingvo de vigla popolo ja ne nur tradukados. Ni estas dankaj al niaj aŭtoroj, ĝoje ni salutas la trian originalan romanon de H. A. Luyken „Stranga Heredaĵo". Ĉu ĝi fariĝos mondfama? Neniu aŭtoro povas antaŭvidi sian sukceson. Daniel de Foe certe ne imagis, ke lia Robinsono fariĝos universala libro. Do, kuraĝe ion skribu, karaj samideanoj, se io vin forte pelas interne. Se via verko estas bona, vi certe trovos eldoniston kaj aĉetantojn.

Tre gravan rolon en nia literaturo ludas niaj grandaj gazetoj. Ĉiumonate aŭ ĉiusemajne ili alportas al la legantaro internacian legaĵon, erojn, pecojn, ofte perlojn el la tutmonda literaturo. Ni abonu gazetojn kaj ni aĉetu librojn.

„Super" aŭ „pli ol". Ĉi tiujn esprimojn oni kelkfoje konfuzas aŭ ne ĝuste uzas. En „Nova kanto" (pri nia lingvo) de Dombrovski ni legas: „Kreitaĵ' la plej mirinda certe estas ĝi laŭdinda pli ol oro la plej brila, pli ol gloro senutila, pli ol ĉiu, pli ol ĉio, krom la amo kaj la Dio"! Aleksandro Simon kantas: „La espero Esperanto super ĉio en la mond'"! „Pli ol" estas ĝusta „super ĉio" estas malĝusta, ĉar ĝi povas esti malbone komprenata. Ni tion spertis pri la kanto: „Germanujo, Germanujo super ĉio en la mond'"! Devus esti: „Germanujon, pli ol ĉion"! Eĉ nia ŝatata siberia pastro Seriŝev erare komprenis ĝin, ĉar li vidis en la kanto pruvon de ŝovinismo, li citas en Verda Utopio (Junio 22) uzante la esprimon: super ĈIUJ en la mond'! Estas ja granda diferenco inter „ĉio" kaj „ĉiuj". La poeto ja nur volas diri, ke liaj samlandanoj amu la patrujon pli ol ion ajn en la mondo. La mola, preskaŭ sentimentala melodio kaj la teksto kun virinoj, fideleco, vino kaj kantado tion pruvas. Oni ja ankaŭ amas sian patrinon pli ol ion ajn en la mondo. Ni ĉiam traduku zorgeme kaj laŭsence.

S-ro Enrique Legrand tradukis en franca lingvo „Amfitriono" de Molière. En la antaŭparolo ni kun plezuro vidis, ke nia kolego I. M. Warden donis sian amikan helpon per tralegado de la manuskripto. Du anoj de E. L. A. do per kuna laboro havigis al ni ĉi tiun ŝatindan verkon.

De la originala komedio „Duonsurda" de Roksano aperis dua eldono. Ni gratulas laboreman aŭtorinon, ŝi nun loĝas en Marseille, 43 Cours Joseph Thierry, kie Esperanto-Hejmo malfermiĝis. Neniu Esperantisto trapasu Marseille'on ne vizitante ĝin.

S-ro Paul Gottgetreu tradukis „Egmont" de Goethe. Estas tre dezirinde, ke tiu ĉi kvazaŭ nuntempa dramo baldaŭ trovu eldoniston.

Aliĝis: S-ro Henk Goemans, Konstantinoplo, Holanda banko por la mediteranea maro.
S-ro Enriko Legrand, Montevideo, Larranga 140, Uruguay.
S-ro René Beck, Marseille, Allées de Meilhan 40.
S-ro Paul Gottgetreu, Hannover, Sallstr. 109.
S-ro Hans Poensgen, Kaiserswerth.

Antaŭ unu jaro ni serĉis per helpo de E. L. A. la laman verkon „Kain“ de Lord Byron, tradukita de A. Kofman. Donace ni ĝin nun ricevis de S-ro E. Munoz el la manoj de nia kolego S-ro E. Legrand. Al ili ni publike esprimas nian plej sinceran dankon. La traduko de „Kain“, kiu jam aperis 1896 meritas nian apartan atenton. „Kain“ estas literatura ĉefverko, kiu en filozofa maniero pritraktas la grandan demandon pri peko kaj morto, la plej granda problemo de la homaro. La traduko estas bonega, kun admiro oni vidas la perfektecon de nia lingvo. Ne unu esprimo mankas, ĉio estas facile komprenebla, malgraŭ la profundsenta teksto. Nur unu afero ne estas tute laŭfundamenta, la tradukinto uzas la apostrofadon de la artikolo ne post vokalo, sed antaŭ ĝi. Tio pruvas la eldiron de nia Majstro, ke ĉiu adepto de nia lingvo deziris „unu malgrandan ŝanĝon.“

*Al niaj poetoj.* Certe, vi povas verki versojn fankaŭ sen rimoj. Sed tiam la poemoj ne havu regulajn strofojn kaj ankaŭ ne hazardajn rimojn. Grandaj naciaj poetoj estu niaj modeloj. Rimoj estas tre plaĉaj, sed ne nepre necesaj; tion pruvas la psalmoj, la heksametroj kaj la kvinakcentaj jamboj de l' dramoj. Ekzistas en nia lingvo ioma danĝero, pri kiu ni avertu la poetojn; ni havas multajn sufiksojn, ne tro ofte ni ilin uzu por la rimado. Treege modelaj estas versaĵoj, troveblaj en tiu ĉi gazeto, bonvolu atente ilin studadi. (Nr. 265, sept. 22).

1) „Kongresa runo“ de D-ro Kalocsaj:

Vokas voĉ' de Veinemöinen,
Vibras vok' en vaga vento,
Kaj ĝin muĝas malproksimaj
Montoj, maroj murmurantaj.

Ni vidas kaj aŭdas, ke en tiu ĉi senrima kanto ankaŭ la aliteracio ludas rolon.

2) „Salutparolo“ de Enrique Legrand.

Trans larĝa l' Oceano
El la land' urugvaja,
Por esti Kongresano,
Mi venis tute gaja.

En la 16 strofa poemo preskaŭ tute mankas la sufiksoj, ni vidas nur bonajn vortrimojn. Simile bona estas ankaŭ la tria poemo en la sama gazeto: „Bonvenon, Gefratoj!“ de la kara blindulino Varma Järvenpää. Rime aŭ senrime, kuraĝe verku, sed ĉiam poezie, plenkore kaj profundsente. S-ro Henriko Seppik volas traduki la novelkolekton „Sangenigro“ (Verimust, 1921) de Albert Kividas. La juna estona verkisto permesis la tradukon de ĉiuj siaj verkoj, kondiĉe ke oni traduku korekte kaj sendu al li ekzempleron de ĉiu traduko. El la kolekto „Sangenigro“ jam aperis la novelo „Patrino“ en Esperanto Triumfonta.

S-ro Hans Poensgen estas tradukanta „Frau Foens“ de J. P. Jakobsen laŭ la dana originalo.

En la redaktado de S-roj J. Baghi kaj D-ro T. Schwartz baldaŭ aperos grandformata, ilustrita plene internacia, pure literatura revuo, kiu per sia luksa eksteraĵo kaj riĉa, valora enhavo volas fiere kaj inde reprezenti la esperantan literaturon. Redaktejo kaj administrejo Budapest, IV, Andrassy U 81 SZ. D-ro T. Schwartz.)

Konataj kaj lertaj verkistoj bonvolu kunlabori por la „Literatura Mondo“!

*Marie Hankel,* Dresden, Nicolaistr. 18.

* * *

Aldono. La Rusa Sekcio de E. L. A. starigis fakon por la tradukado de la verkaro de Puŝkin. Tradukis J. Ŝirjaev „Milito kaj Paco“ de L. Tolstoj kaj H. Konovalov, „Sawa“ kaj „Rakonto pri la sep pendigitoj“ de Leonid Andrejev.

Danke ricevinte la membrokotizaĵon de la Rusa Sekcio ni hodiaŭ citu la nomojn de la rusaj kolegoj:

1) *V. Basov* — Orel, 2a Posadskaja, 19.
2) *L. Belajev* — N.-Novgorod, M. Peĉerka, 8, kv. 3.
3) *G. Deŝkin* — Moskvo, Mjasnickaja, 21, kv. 13.
4) D-ro *A. Fiŝer* — Tiflis, Gribojedovskaja, 25.
5) *S. Hajdovski* — Moskvo, ĉe N. Nekrasov.
6) *Vs. Ivanov* — Odeso, Vnjeŝnjaja, 4.
7) *H. Konovalov* — N.-Novgorod, Teatralnaja pl., 6, kv. 9.
8) *N. Krassovski* — Ufa, poŝtkesto 24. Rabkrin.
9) *J. Lebedev* — Tula, Logaĉevskaja, 26.
10) *E. Mihalski* — Voznesensk, Odes. g., Mariinskaja, 16, kv. Izrailton.
11) *N. Nekrasov* — Moskvo, 1a Tverskaja-Jamskaja, 35, kv. 5.
12) *V. Polakov* — Moskvo, ĉe N. Nekrasov.
13) *S. Rublev* — Odeso, placo de K. Marks, 3.
14) *J. Ŝirjaev* — P. o. Baklanka, Vologodsk. gub.
15) *E. Tihonov* — Caricin, Respublikanskaja, 21.
16) *V. Varankin* — N.-Novgorod, Mironosickaja, 9.
17) *G. Zaletov* — Saratov, Niĵnjaja, 86, kv. 1.
18) *J. Zilberfarb* — Ĥarkov. Ribnaja, 20, kv. 4.

# Esperantista Parolejo.

## Oni laŭdas!

*Ni presigas en ĉi tiu senpaga rubriko dankojn nur pri gravaj servoj plenumitaj de delegitoj.*

S-doj *Kalocsaj* kaj *Balkányi* el Budapest korege dankas al la delegitoj kaj vicdelegitoj dum la vojaĝo al Helsinki kaj reen pro la sindonaj kaj valoraj helpoj: al S-do R. A. Czech, Wien, S-do Josef Altnöter, Regensburg, S-dino Martha Rabe, Berlin, S-do A. B. C. Senff, Hamburg. — La praktika utileco de UEA bonege montriĝis dum nia vojaĝo!

La Esperanto-Grupo Bad Reichenhall kore dankas al S-ino N. Umanski el Genève kaj al S-ro E. Wanitsek el Bratislawa kiuj, pasiginte 3, resp. 1 semajnojn en nia bela kuracloko kaj plezure partoprenintc niajn ĉiudimanĉe aranĝitajn esperantajn ekskursojn, donacis por la grupa kaso po germ. markoj 300.—.

Gesinjoroj *Applebaum,* Megahy kaj Sinclair esprimas siajn profundajn dankojn al S-ro Hans Fricke, delegito en Frankfurt, por afablaj servoj dum travojaĝo en tiu urbo.

S-ro *Ernesto C. Pereira,* delegito de UEA en Funchal-(Madeira) laŭdas la eksdelegiton de UEA en Lisboa S-ron B. Martins d' Almeida pro ĉiuj servoj al li faritaj dum la mallonga restado en tiu urbo. Ankaŭ li dankas S-ron Martins d' Almeida pro ĉiuj favoroj faritaj dum lia malsano en tiu urbo.

F-ino *A. E. Dixon,* Green Lane Lernejo, Eccles, Anglujo kore dankas S-ron D. Vianello kaj ĉiujn anojn de la grupo en Venezia por ilia helpado dum ŝia libertempo en ilia bela urbo.

S-ino *Berta Keyzlarová,* del. en Cervený Kostelec (Ĉeĥoslovakio) elkore dankas al S-ro Francisco Pizzi, del. en Venezia por lia vere amika akcepto kaj gvidado. Same ŝi dankas al S-ro Rudolf Rupčič, del. en Split por lia afabla bonvolemeco dum sia alveno al Dalmatio.

S-ro *Hermann Petermann* el Hagen i. Westfalen, Germanio tutkore dankas al S-ro V. Brunner en Wien, al F-ino Ica Heffler kaj al familio Lázár Lajosné en Miskolcz, al familio J. Péchau, al familio Krausz, al S-roj Harras, Reinsich kaj Selényi en Pécs en Hungario, ĉar ili tre afable helpis kaj gastigis lin dum lia vojaĝo tra Hungario. Li tutkore dankas al ĉiuj gesamideanoj en Hungario por ilia afabla kaj kora akcepto kaj gastemeco.

La karavano organizita de S-ro *Gervois* kore dankas al F-ino Rabe, S-ro Markaŭ, S-ro Friebel, F-ino Heinek, kiuj helpis malavare dum la ĉeestado en Germanlando.

S-ro *E. Lee,* del. en Crewe korege dankas S-ron Léon Gervois, del. en Parizo pro lia helpo kaj sindona akompanado dum restado en tiu urbo.

S-roj *Raar, Pelder* kaj *Hoope* el Leiden, Holando, tutkore dankas al Ges-roj Hes, Teorejt kaj Trataj Kovanda kaj S-ro Lukes en Doubravka apud Plzěn kaj Ges-roj Kubásek en Plzěn, kiuj tre afable kaj kore akceptis nin kaj akompanis nin tra Plzěn kaj ĉirkaŭaĵoj kaj montris al ni la plej gravajn vidindaĵojn, dum

nia tritaga restado en Ĉeĥoslovakio. Ankaŭ ni estas tre dankemaj al ĉiuj geesperantistoj, kiuj ĉeestis la festetvesperon, okaze de nia ĉeesto en Plzĕn. Tiu vespero faris nian vojaĝon neforgesebla.

Ankaŭ aparte ni dankas S-ron Kubásek, kiu nin akompanis ĝis la limo, por helpi nin dum nia vojaĝo tra Ĉeĥoslovakio. Kvankam ni tute ne konis la ĉeĥan lingvon, ni travivis la plej belajn tagojn de nia vivo, per la helplingvo „Esperanto".

S-ro *M. Milĉev*, Bulgario, kore dankas S-ron F. Müller el Lyss (Svislando) pro la multaj servoj faritaj.

S-ro *Rob. Kreuz*, direktanto de la esperanta fako de la foiro dankas al la delegitoj en Tiflis kaj Dublin (Irlando) pro volonte plenumitaj propagando-servoj.

S-ro *Gunĉo Gunĉev* el Pleven (Bulgario) sincere dankas pro la helpo dum lia kongresa vojaĝado, jenajn samideanojn: S-ro Bertoli, VD. kaj Esperantista Societo en Zagreb, S-ro D-ro Pfeffer en Wien, S-ro Rektoro Krieger en Stettin, S-ro Lappi, F-ino Noiva en Helsingfors, S-ro N. Salokannel, del. el Lahia, S-ro N. Remell, del. el Gamlakarlebg, du afablaj sinjorinoj, kies nomo li ne scias en Hamburg, R. Unger el Chemnitz kaj Al. Spize, del. el Uĵorod.

Ges-roj *Sergeant* el Boulogne s. M. tutkore dankas Ges-rojn Schneider, Ges-rojn Jaquel kaj la tutan grupon de Mulhouse pro ilia afablega akcepto en tiu urbo dum ilia vojaĝo tra Elsaco en lasta septembro.

S-ro *J. M. de Villa*, VD. en Habana, Cuba, kaj lia edzino, kore dankas pro servoj kaj ĝentilaĵoj dum ilia restado en Berlin, al F-ino Martha Rabe, VD., kiu plej sindone, efike kaj eksterordinare akompanis ilin tutajn tagojn tra la stratoj kaj vendejoj; S-roj Rimann kaj Lindquist kaj Prof. Félix Diez, el Bilbao, kiu helpis kaj akompanis ilin en kliniko.

La partoprenintoj kaj la organizintoj de la Karavano de UEA Lyon-Helsinki-Lyon esprimas koran dankon al S-ro Richez (Sekr., Genève), S-ro Gervois (D. Paris), S-ro Kauffmann, (D. Heidelberg), S-ino kaj S-ro Kreuz (ĈD., Frankfurt), S-ro Urban (Frankfurt), S-ro Schwaiger (D. Berlin), F-ino Kupfer (D. Stettin), S-ro Krieger (Stettin), S-ro Jalava (D. Helsinki), S-ro Junker (D. Köln), S-ro Becker (D. Mainz) kaj al multaj aliaj tre afablaj gesamideanoj, kiuj tiel sindoneme ebligis la aranĝon de tiu Karavano kaj ĉiamaniere helpis ilian vojaĝon.

S-ro *J. Champdavoine*, del. en Nogent-sur-Vernisson (Francujo) korege dankas S-ron Patron Pelegrino Hoffmann, kiu gastigis lin dum 6 semajnoj en sia monaĥejo Schweikeberg (Post) Vilshofen a. Donau kaj akompanis lin tra Germanujo kaj S-ron Franz Lukas, pastron (München) pro gravaj servoj plenumitaj.

S-roj *Donien* kaj *Schneidmüller*, Friedrichsthal-Saarteritorio, dankas ĉiujn gesamideanojn el Stuttgart kaj Karlsruhe, precipe S-rojn Prof. Christaller kaj Böning el Stuttgart por la granda afableco montrita okaze de nia ĉeestado en Sudgermanujo.

Del. *St. Rudnicki* dankas al S-ro Hugo Voigt en Leipzig por plenumita servo.

## Esperantista Vivo.

**Naskiĝoj.** Al gesinjoroj *A. Perrin*, delegito en Melun (Francio) naskiĝis sesa infano nomita Paul-Louis.

Al Ge-roj *J. Pion* en Châlons-sur-Marne naskiĝis kvara filino nomita Hélène.

Al Ge-roj *R. Scheibler* en Wurgwitz naskiĝis dua filino nomita Traute.

Al Ge-roj *Jan Van Schoor* en Antwerpen naskiĝis filo nomita Herman.

Al Ge-roj *Alfredo Crestoni*, delegito en Legnago (Italio) naskiĝis filino nomita Lidia-Ester.

Al Ge-roj *J. F. Lochhead-Christen* en Baden, Svislando naskiĝis filo nomita Laurence Lennox.

Al Ge-roj *Walter Knopf*, delegito en Beuthen O.-S., Germanio naskiĝis filo nomita Wolfram.

Al Ge-roj *W. J. van der Haak* en Rotterdam naskiĝis filino nomita Willemina Johanna.

Al Ge-roj *Smith Clough* en Folkestone naskiĝis filo nomita Ewart James.

Al Ge-roj *Charles H. Edmonds* naskiĝis filino nomita Eileen Rae.

Al Ge-roj *F. Kleville* en Buenos-Aires naskiĝis filino nomita Milda. (Ni gratulas la gepatrojn pro la eltrovo de tiu gracia kaj belsona esperanta nomo.)

**Fianĉiĝo.** — F-ino *Tilla Hetzenecker* el München kaj S-ro *Max Edelmann*, prezidanto de la Esp.-Grupo Bad Reichenhall kaj membro de UEA.

**Edziĝoj.** — S-ro *Robert Klotzmann* kun S-ino *Ella Morawetz* en Graz.

S-ro *Edmond Agache* en Paris kun F-ino *Christiane Malibran*.

S-ro *William Perrenoud*, delegito en Cernier (Svislando), kun F-ino *Daisy Theis*.

S-ro *Josef Paŝa* el Malé Kunĉice (Ĉeĥoslovakio) kun F-ino *Aloisie Miĉková*.

S-ro *Jan Mikŝ* en Praha-Vinohrady (Ĉeĥoslovakio) kun F-ino *Ol. Stránská* el Zdice.

S-ro *Franz Mayer jun.*, delegito en Goldenöls (Ĉeĥoslovakio) kun F-ino *Helene Kriegel* el Bernsdorf.

**Honorigo.** — S-ro *Kurt Kauffmann*, studento en la universitato de Heidelberg, akiris la titolon de doktoro en sciencoj politikaj kaj ekonomiaj. Ni sincere gratulas lin.

## Niaj Mortintoj.

Kun bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

S-ro **Emile Daire**, vic-prezidanto de la grupo de Bordeaux, fervora propagandisto, sindona kaj bonega profesoro de Esperanto kaj plej afabla kolego. Estas grava perdo por la grupo de Bordeaux.

S-ro **Gerŝome Hepner**, ano de UEA en Bialystok (Polujo) tragike pereis en aĝo de 18 jaroj, sin banante apud Riga'a marbordo.

S-ino **Ludmila Trávniĉková**, membrino de UEA en Plzeň, mortis 43 jaraĝa post unujara grava malsano. Antaŭ nelonge mortis ŝia filino, kiu estis ankaŭ bona esperantistino.

S-ro **Domingo Martinez de Ternero y Oruezábal** mortis 61 jara, la 25 an de aŭgusto. Li estis patro de nia delegito en Sevilla, S-ro Carlos Martinez Fernández, ekssekretario de „Hispana Societo p. p. Esperanton" kaj de „Sevilla Esperantista Grupo."

**Karl Krejĉi**, filo de nia membro S-ro Friedrich Krejĉi en Köflach, Stirio.

S-ino **Aloisie Ĉánský**, edzino de S-ro Václav Ĉánský, delegito en Nusle (Ĉeĥoslovakio).

S-ro **Dorsinfang**, patro de nia delegitino en Namur (Belgio) mortis 76 jara. Li ĉiam akceptis gaje kaj tutkore la samideanojn kaj ĉiam interesiĝis pri la movado.

# ŜAKO

Gvidanto: *Fr. Hájek*, Praha-Nusle, Přemyslovo nábř. 396. Ĉeĥosl.

Ĉion kio koncernas ŝakon, sendu senpere al la gvidanto.

**Problemo N-ro 46.**
*W. v. Holzhausen.*
(Rigaer Tgbl. 1911.)



Blanko matas per la 3-a movo.

**Problemo N-ro 47.**
*G. Montessori.*
(L' Italia scacchistica 1911.)



Blanko matas per la 3-a movo.

En la *rekta problemo* estas ĉiam postulite mati per certa nombro da movoj. Ĉi tiun postulon oni eldiras per la vortoj: „Blanko matas per la .... movo", aŭ simile. Problemojn, en kiuj oni postulas alion ol mati laŭ kutima ludmaniero, oni nomas *problemoj nerektaj*. El la nerektaj problemoj evoluiĝis alte la *sinmatigo*. La sinmatigo postulas, ke Blanko komencu kaj ludu tiel, ke Nigro estu devigata lin mati; alie dirite Blanko matas sin mem. Ĉi tie ni alportas speciale por nia gazeto verkitajn provaĵojn de la sinmatigoj. La unua estas verko de la mondfama specialisto-verkisto pri la sinmatigoj, la dua estas verko kun kvarobla postulo, ĝi enhavas du rektajn problemojn kaj du sinmatigojn. Kompreneble, ke simila multprogramaĵo ne permesas al la verkisto esprimi delikate la enhavon, precipe rilate al la ŝlosilmovo.

**Problemo N-ro 48.**
*R. Svoboda*, Praha.
(Originalo).



Sinmatigo per la 2-a movo. (Same kiel en la rekta problemo en la sinmatigo, se ne estas alie dirite, komencas ludi ĉiam la Blanko).

**Problemo N-ro 49.**
*H. T. Bailey*, London.
(Originalo).



a) Blanko matas per la 2-a movo.
b) Sinmatigo de Blanko per la 2-a movo.
c) Nigro matas per la 2-a movo.
d) Sinmatigo de Nigro per la 2-a movo.

*Solvoj de la problemoj:*

N-ro 42: 1. e 2 — e 3 k.t.p. | N-ro 43: 1. D b 3 — d 1 k.t.p.
N-ro 44: 1. T g 4 — g 8 k.t.p. | N-ro 45: 1. K e 5 — a 1 k.t.p.

*Alvenis ĝustaj solvoj de la problemoj.*
Aug. Alksnits, Riga (Latvio); F. Poláček, Praha (Ĉeĥ.)

Dresden-N. — F-ino Gertrud Weitzmann, Wilder-Mann-Str. 40, PI, L k. ĉ. l.
Düsseldorf 106. — S-ro Josef Pfaffenholz, PM, PI, bfl k. ĉ. l.
Elberfeld. — S-ro Alfred Knipping, Steinbeckerstr. 76 a, PM k. ĉ. l., bfl.
Köln-Kalk. — S-ro Hermann Altenkamp, studento, Kaiserstr. 38, L, PK, PI, PM k. ĉ. l.
Leipzig-Lindenaŭ. — S-ro Walter Birth, Rinckartstrasse 7, I m, L, PK, PI k. ĉ. l.
Leipzig-Schönefeld. — S-ro Kurt Köhler, poŝtoficisto, Plossstr. 34, II, PI, PM k. ĉ. l.
Plaŭen i. Vogtl. — S-ro Richard Schütze, Postfach 25, nur PM.
Plaŭen i. Vogtl. — S-ro Fritz Lehmann, policano, 12. Hu., Neŭndorferstr. 175, PI, L, PM.
Regensburg. — S-ro Ew. H. Mühleisen, Stadtsparkasse, PI, bfl, L, esp-aĵoj k. ĉ. l.
Wurgwitz-Dresden. — S-ro A. Wolf, komercisto, 5, P, PI, L, PM, monerojn, monbiletojn kun eksterlando.

## Hispanio.

Barcelona. — S-ro José Santularia, Asturias 1, PI k. ĉ. l.
Barcelona. — S-ro Francisco Perez, armea maristo, Crucero „Rio de la Plata" PI, bfl, L, k. ĉ. l.

## Hungario.

Budapest V. — S-ro László Izsó, Honvéd u. 10, PM, L, PI k. ĉ. l.
Budapest. — S-ro Fenyes Zoltan, Dob-u. 5 II, PK, PM (rekomendite, sendu unue).
Budapest. — D-ro Károly Hegedüs, VI. Ankerköz, PM k. ĉ. l.
Debreczen. — S-ro Kálmán Fazekas, Pacsirta u. 5, PI, PM, fotogr.
Debreczen. — S-ro Gábor Medgyesi, Cserepes u. 16, L, PK, naciaj gazetoj.
Debreczen. — S-ro József Porcsin, Kossuth u. 25, Kovácsnál, int. L, PK, fotogr., papermono.
Gyöngyös. — S-ro Hideghi Béla, N-ro 1808, PM (rekomendu, sendu unue).
Szombathely. — S-ro Eugĉno Török, Templom tér 5, PI, sporto, fotografaĵoj, papermono, G. M.
Szombathely. — S-ro Béla Mujzer, Kiraly utca 8, PI, k. ĉ. l.
Szombathely. — S-ro Francisko Korányi, Körmendi ut. 38, L, PI, gaz., skolta movado, propagandiloj.

## Italio.

Firenze. — D-ro Gino Gazzarrini, kuracisto, via dei Fossi 4, PI, bfl, PM.
Firenze. — S-ro Barsi Guido, via Tornabuoni 11, PI, bfl, PM.
Pisa. — S-ro Cesare Maschini, Casella postale 1, PI, bfl., PK, L, PM k. ĉ. l.
Pisa. — S-ro Sergio Samek, Via S. Agostino 12, PM, PI k. ĉ. l.
Spezia. — Torp. E. Lafi, Irmeo, R. Somm, A. Provana, PI.
Spezia. — Cann. A. Cassioni, Dino, R. Somm, S. Vernero, PI.
Spezia. — Cann. O. Mattioli, Igino, R. Somm, P. Mieca, PI.

## Jugoslavio.

Novi Sad. — S-ro A. Zeisler, Lazareva ul. 14, Stamparija „Zastava", PI, L. PM.

## Nederlando.

Amsterdam. — S-ro N. A. Zilver, P. O. B. 1055, PM, helpmono (malakceptas bagatelojn).

## Pollando.

Biala-Podlaska. — S-ro J. Kiewszczynski, kuracisto, Brzeska ul. 30, PI, L.
Bialystok. — S-ro Efr. Margolis, Sobieskiego 16, papermono, PM, interŝ., vendas.
Bialystok. — S-ro A. Babkes, Prózna 3, papermono, PM, interŝanĝas, vendas.
Bialystok. — S-ro Stanislaw Kossakowski, Szopena 9 interŝanĝas PM.
Bialystok. — S-ro S. Ripp, Fabryczna 5, interŝanĝas, vendas PM, papermonon.
Jaroslav. — S-ro Antoni Lojavski, Kraszewskiego 10, L, PI (komerco, geografio) esp., angle, fr., germ.
Luck. — Zarzad okr. lasów panstw., S-ro Józef Konderak, PM, monbiletojn k. ĉ. l.
Luck. — Zarzad okr. lasów panstw., S-ro Józef Adamowicz, PM k. ĉ. l.
Poznán. — S-ro Max Michalski, Mostowa 5 a II, PI, bfl, papermono.
Poznán. — S-ro Leopold Tepper, urbsekretario, ul. Grobla 13, PI, L, PM k. ĉ. l.

## Rumanio.

Oradea-Mare. — S-ro Pál Aladár, tribunala sekretario, Strada Vlahuta 18, PM, escepte Centra Eŭropo, precipe neuzitajn.

## Ruslando.

Astrahan. — S-ro J. Paramonov, studento, 6 nĉ. 4 a admiralteiskaja 9, L, PI, PM, gazetoj k. ĉ. l.
Astrahan. — S-ro G. Artemjev, Armjanskij most 111, k. ĉ. l., L, ĉiuteme, PM, PI, portretojn de gesamideanoj, esp. gaz., libroj, esp-aĵoj. Deziregas ricevi komercajn informojn, prospektojn, katalogojn por komerca informejo. Interŝanĝadon preferas nur seriozan kaj propagandan. Unue ne sendas.
Ekaderinodar (Kouban). — S-ro Ivan Aleksandroviĉ Mitrohim, ulica Kotljarevskaja 149, PI, L, gaz. esp.
Kazan. — S-ro Pavlu Aleksandroviĉu Serebrjanov, Poste restante, do vostrebovanja, L, PI k. ĉ. l. (pri arbaroj).
Ufa. — S-ro N. Krassovski, poŝtkesto 24, Rabkrin, rekomencas koresp. kun amikoj de antaŭ 1914; danke ricevos nutraĵojn pere de Commissariat de D-ro Nansen, Genève, ĉar li vivas en mizerego.

## Svedlando.

Malmö. — S-ro Sture Cronqvist, Claesgatan 12 I, PI, PM k. ĉ. l.
Sandviken. — S-ro Herbert Ekfeldt, Stensmo, PK k. ĉ. l.

## Svislando.

Lugano. — S-ro Aloysio Cappello, Dir. de la Jurista Societo „La Difesa", via Maghetti 2, PI, PK, PM, esp.-aĵoj kaj fotografaĵoj (sportoj, belartoj, pejzaĝoj ktp.).

## Ameriko.

Bahia Blanka (Argentino). — S-ro Vincento Orlando, str. santa Fé 77, PM. (leteroj nur kun fraŭlinoj).
Buenos-Aires (Argentino). — S-ro José Catala, Calle Uriarte 485 Talleres F. C. S., PM rekomendite.
Buenos-Aires (Argentino). — S-ro Juan Navarro, Calle S. Martin 485 Talleres F. C. S. PM rekomendite.

## Aŭstralio.

Kensington (Victoria). — F-ino A. Nicholson, State School, L, PI k. ĉ. l.
Melbourne (Victoria). — S-ro Harry H. Perrot, 195-9 Glen Huntly Road, Elsternwick, PM k. ĉ. l. laŭ kataloga valoro.

## Azio.

Banjoewangi (Java). — S-ro A. Knegt, PM, laŭ mankolisto. Katalogoj Yvert 1922, 1923.
Semarang (Java). — S-ro Liem Tjong Hie, juna studento, Kranggan Wetan 19/21, k. ĉ. l. gejunuloj L, PI, PM, tutaĵoj kaj parolaĵoj.
Irkutsk (Siberio). — S-ro Nikolaj Girman, Zverevskaja 14, PI, L.
Tokio (Japanio). — S-ro Kjukiĉi Matanuki, studento, 58, Ŝimo Takanaŭa Ŝiba, PM, L, PI (nur kun eksterlandoj).

# JUNULA KORESPONDADO

**Por ĉi tiu rubriko rezervata al junuloj maksimume 17-jaraj oni bonvolu indiki la aĝojn.**

Buenos-Aires (Argentino). — S-ro E. Magem, 13-jara, Billinghurst 2552, PI, bfl.
Dresden-N. (Germanio). — S-ro Oskar Weitzmann, Wilder-Mann-Str. 40, PI, bfl por pli ol cent 11—14-jaraj gekursanoj.
Wurgwitz-Dresden (Germanujo). — S-ro Krumbiegel, instruisto kaj 40 infanoj 12—15-jaraj, PI, L, PM kun eksterlando.

# PETOJ KAJ PROPONOJ.

**Al Poŝtistoj tutmondaj!** La redaktoro de „The Post", la jurnalo de la Unuiĝo de Poŝt-oficejaj laboristoj (Union of Post-Office Workers), deziras ricevi la nomojn kaj adresojn de poŝtistoj esperantistaj en ĉiuj landoj kiuj estos pretaj por traduki artikolon en Esperanto, kiun li verkos ĉiumonate pri anglaj poŝtaj aferoj, por enpresigo en iliaj naciaj poŝtaj jurnaloj kaj reciproke li ŝatus ricevi artikolojn el aliaj landoj pri la poŝta laborista movado, kiun li enmetos en „The Post". Skribu al W. J. Westmancole, 15 Ashfield Rd. The Chessels, Bristol, Anglio.

**Astronomio.** Transbajkala Societo de Amatoroj de la Astronomio, inter kies anoj sin trovas universitataj profesoroj kaj aliaj scienculoj, akceptis Esperanton kiel lingvon por eksterlandaj interrilatoj. Ĉiulandaj astronomiaj societoj kaj astronomoj! Korespondu esperante kun nomita societo kaj sendu al ĝi informojn pri novaj sukcesoj kaj progresoj de astronomio. U. Ĉita, Muzej, Obŝĉestvo Lubitelej Astronomii (Orient-Siberia Respubliko).

**Atentigo.** D-ro C. Baart de la Faille, Arnhem (Nederlando) bedaŭras, ke li devas plendi pri la sekvantaj personoj kiuj ne plenumis la devojn de honestaj interŝanĝantoj: 1. S-ro St. Djudjev, Sofia (estinta Del. en Panagjurište; 2. S-ro Elidio Vitienes, Necochea (Argentino); 3. S-ro Antonio Gonzalez, Central Lequeito (Kubo); 4. S-ro N. Antipov, Hamman-Lif (Tunizio).

**Aforismojn** kolektas Van Doorne, Vliegerstraat 28, Rotterdam. Ankaŭ aĉetas kolektojn.

**Atentu!** Kontraŭ duona dolaro aŭ 2 svisaj aŭ 5 francaj frankoj sendas 50 malofta jn bulgarajn poŝtmarkojn eldonitaj antaŭ 1902 a jaro. Interŝanĝas kun ekstereŭropanoj. Boris Neder „Car Osvoboditel" 816, Schumen — Bulgario.

**Bolŝevikajn poŝtmarkojn!** Kontraŭ 5 svisaj frankoj aŭ egalvalora mi sendos 15 diversajn nestampitajn markojn de Sovjet-Ruslando. 50 % de la valoro de katalogoj. Sendas ankaŭ rusajn monbiletojn al kolektantoj. Lauri Laiho, Helsinki, Konstantinink. 6, C, 12, Finnlando. — Garantiata de la loka del. de UEA.

**Ĉiulandaj esperantistoj-filatelistoj** estas afable petataj konigi siajn adresojn por ebligi eldonon de *nur* filatelista adreslibro. Ili ankaŭ sciigos ĉu kolektas serioze, ĉu komencas; ĉu laŭ mankolisto; laŭ kiu katalogo kaj kun kiuj landoj korespondas (ĉu per rekomenditaj leteroj, ĉu per ordinaraj). Ankaŭ kiuj serioze reflektas je aĉeto de adreslibraro notu tion afable! Turniĝi al: Eŭgenjusz Szablowski, Rzeszów, Pollando, Eŭropo.

**Ĉiulandajn geinstruistojn** mi petas pri alsendo de instruplanoj de la diversaj popolaj lernejoj. Rekompence mi sendos kion ajn. Adreso: Julie Šupichová, faka instruistino, Praha II.-2032, Ĉeĥoslovakio.

**Danko.** D. F. Romein — Nederlando — kore dankas ĉiujn, kiuj sendis al li saluton el Helsinki dum la XIV a.

**Esperanta Librotrezoro.** N-ro 1: Joŝo. Babiladoj de bonhumora Zamenhof-ano (ilustrita). N-ro 2: M. L. Kaplan. Akordoj Esperantaj (versaĵoj). Sendu Fr. sv. 1.50 aŭ 6 valorajn respondkuponojn por ricevi tiujn ambaŭ. Adreso: J. Ŝapiro, del. de UEA, Lipova 33, Bialystok (Polujo).

**Filatelistoj!** Kontraŭ 100 diversaj PM de via lando vi ricevos 100 diversajn PM de Eŭropo. M. Hitrow, Berlin-Charlottenburg 2, Goethestrasse 66.

**Filatelistoj!** Poŝtmarkojn belajn kaj maloftajn mi volas interŝanĝi kontraŭ sama valoro en germanaj markoj. Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde (Saksujo).

**Filatelisto,** kiu sendas al mi 100—500 poŝtmarkojn, al tiu mi sendos samvalorajn hungarajn markojn. Ne sendas unue. Zoltáno Székely, Budapest VII., Erzsébetkörut. 16.

**Filatelistoj.** — Sendu al mi 50—200 diversajn poŝtmarkojn de via lando kaj mi sendos la saman kvanton de germanaj poŝtmarkoj. O. Pfeiffer, Glenicke bei Beeskow, Germanio.

**Filatelistoj atentu!** Multvaloran kolekton da 450 diversaj poŝtmarkoj vendas por 650 svisaj frankoj Samuel Ripp, Fabryczna 5, Bialystok (Polujo).

**Filatelistoj.** — Mi soldas mian kolekton de PM. Kiu aĉetos ĝin? Sendu al mi vian manko-liston kun prezoj en mono de via lando. A. Knipping, Steinbeckerstrasse 76 a, Elberfeld.

**Filatelistoj.** — Mi vendas PM el Polio, Meza Litovio, por kvarono de prezoj en katalogo Yvert 1922: 200 diversajn PM polajn 20 Fr. sv., 100 diversajn 5 Fr., 82 diversajn PM de Mez-Litovio 5 Fr., 50 ukrainajn 5 Fr. Nuntempaj nominale kaj 10%. Fr. Zachananewicz, Lwów, Str. S-ro Zofji 44, Polio.

**Filatelistoj.** — Kontraŭ 10 dolaroj aŭ 50 svisaj frankoj mi sendos kompletan rumanan kolekton, eldonita okaze de la kronado de la rumana reĝo. Toader Adalbert, Teius-gara, Rumanio.

**Filatelistoj.** — Mi ofertas Aŭstrio 1922 franko-, takso-, gazeto- kaj ekspres-markojn (57 valoroj) por 1.50 Fr. sv. Belega serio de komponistoj kompleta por 3 Fr. sv. Oni aldonu la afrankon kaj antaŭpagon. Membro de la Viena PM-Borso F. Wedral, Wien 19, Rudolfinergasse 6.

**Filatelistoj.** — Serĉas poŝtmark-interŝanĝon en la tuta mondo, ĉefe bildmarkoj ĝis 100 pecoj de unu valoro. Donas Bosnio, Feldpost (militkampa poŝto), Malnov-Aŭstrio, German-Aŭstrio. F. Wedral, Wien 19, Rudolfinergasse 6.

**Filatelistoj.** — Sendu 50—70 poŝtmarkojn, mi sendos samvalorajn jugoslavajn. Miljenko Boric, Imetski, Dalmacia, Jugoslavio.

**For la batalilojn!** Por 1 respondkupono aŭ egalvaloraj neuzitaj PM mi sendas 60 glumarkojn kun tiu enskribo kaj tre efika simbolo de la kontraŭmilita ideo. W. Krause, Berlin NO., Friedebergerstrasse 31 (Germanio).

**Gaja teatraĵeto,** la sukcesa budapesta poŝtkongresa ludo „La paĝio de l' reĝino“, haveblа por unu respondkupono (nun stampita!) aŭ por egalvaloro en nacia monbileto ĉe Paŭlo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15, Hungario.

**Geinstruistoj** en bela angla marborda urbo akceptos „au pair“ alinacian vegetaranan esperantistinon dezirantan lerni la anglan. Helpo bezonata kun du infanetoj. Skribu: Clough, 62 Guildhall Street, Folkestone, Anglujo.

**Gelaboristoj** — geidealistoj! Ĉiuj kiuj volas informiĝi pri loko en Usono kie sinjor(in)o kun familio povas vivi tiel malmultekoste kiel fraŭl(in)o sendependa, kie ne estas bezono de asekuro, kie infanoj instruiĝas sian devon al la prahomaro laborinta, kie manko de zorgo pri vivrimedoj ebligas grandan kreskon mensan, moralan kaj korpan, kaj kie estas nek riĉeco nek malriĉeco, kie la ora regulo estas la sola leĝo. Ĉiuj kiuj akceptos „Homidaron“ kiel Dio inda de ilia laborservo devas skribi sian adreson legeble sur poŝtkarto kaj adresu: E. A. Young, Balboa Heights, Canal Zono, Istmo de Panama, Ameriko.

**Geografiajn kartojn,** malgranda formato, uzata de infanoj en popolaj lernejoj, kolektas por lerneja ekspozicio kaj interŝanĝe rekompencas per kio ajn Julie Šupichová, faka instruistino, Praha II.-2032, Ĉehoslovakio.

**Helpu** al malfeliĉa malsanema vidvino kun ŝia freneza juna filo, suferantaj mizeron post mortigo dum la militego de la edzo kaj patro, entuziasma esperantisto kaj propagandisto, multe progresiginta nian movadon. Oni helpu per la Komitato de D-ro Nansen, r. du Rhône, Genève. Adreso: S-ino V. D. Popova, B. Uspenska 80, Ufa, Ruslando.

**Kiu estas vera poŝtmarkkolektanto?** Tiu devas posedi ĉiujn aŭstriajn PM; nunajn kaj malnovajn. Kontraŭ poŝtelspezoj kaj referencoj ĉiu samideano povas ricevi belajn elektaĵojn por aĉeto kaj komisia vendado. Prezoj pli malkare ol ĉie! Mi ankaŭ vendas paketojn po 100 diversaj PM por 2 Fr. fr., 1000 diversajn por 25 Fr. fr., 500 diversajn PM por 8 Fr. fr.; krom poŝtelspezoj. Mi ankaŭ aĉetas ĉiun ajn PM se la prezoj estas moderaj. Josef Kolnhofer, poŝtmarkvendejo, Wien 13/4, Zehetnergasse 37.

**Kiu kolektas poŝtmarkojn?** Tiu tuj skribu al la suba adreso kaj postulu belan elektaĵon por aĉeto aŭ komisia vendado. Mi posedas grandan provizon de belaj aŭstriaj kaj alilandaj PM, kiujn mi vendas ĝenerale nur por la duona katalogprezo. Kiu havigas al mi mendojn ricevos 5 procentojn da provizio de la vendita sumo. Josefo Kolnhofer, Wien 13/4, Zehetnergasse 37.

**Kongreshimnon,** rekomenditan de Esperantista Literatura Asocio, kaj poŝtmarkojn vendas verkisto por plibonigi la vivon de sia elmigrinta familio. Prezo laŭ interkonsento. Monon oni sendu per rekomendita letero al: S-ro Vadim Anofrijev, Elva (Estonio).

**Mia Amiko,** esperant. legaĵoj de Zamenhof, Bourlet, Ramstedt, Abdul Baha, Lagerlöf, Tagore, Ŝige-Maĉu, Beaufront, kun la Majstra bildo, necesega libro de ĉiu esperantisto. 10 ekz. kostas: 0.5 dolar., 2.50 Kr., 5 Fr., 50 Lev., 10 Lir., 20 ĉs. Kr. P. Hitrow, Berlin-Charlottenburg 2, Fach 18.

**Morto.** La delegito de UEA en Bialystok sciigas pri tragika morto de UEA-ano Gerŝomo Hepner el Bialystok droninta en la maro ĉe Riga.

**Popolkantojn** ĉiulandajn mi kolektas. Gesamideanoj bonvolu sendi al mi belajn kantojn kun notoj kaj esperanta traduko. Mi plenumos ĉiun kontraŭservon. Ignaz Wallner, Stempfergasse 8, Graz, Aŭstrio.

**Por** grava propaganda parolado en katolika instruista societo mi serĉas ĉiulandajn esperantaĵojn kontraŭ kiuj mi sendos PI aŭ PM. Prof. Dyba, Berlin-Niederschönhausen, Körnerstrasse 4.

**Ruslando.** Kiu donos informojn pri hungara militkaptito Karoly Fischel, 30 honved regimento? Lasta adreso: Taŝkent, Staritaberlager. Informojn al: Ivan Faragó Cinkota-Sashalom, Andrássy ut. 6, Pestmegye, Hung.

**Sendu** 8 respondkuponojn kaj vi ricevos novan (4-an) eldonon de „BES-a adresaro de esperantistoj el ĉiuj landoj“ kaj rajtos senpage enskribiĝi en 5-a eldono. Prospekto senpage. Bohema Esperanto-Societo, Moravany, Boh., Ĉehoslovakujo.

**Senkulpigoj.** — Augel J. Mazzuconi, Buenos Aires, Argentino, kore salutas siajn afablajn gekorespondantojn kaj petas senkulpigon pro tio ke li ne povis respondi al ili, ĉar li absentis de aŭgusto 1920 ĝis februaro 1921, kiel li poste li forestis el Argentino kelkajn monatojn. Tiel baldaŭ kiel li povos li respondos al ĉiuj.

**Senkulpigoj.** — Luis Gastanaga, Bahia Blanca, Argentino, petas pardonon al siaj korespondantoj, ĉar li pro diversaj kontraŭaĵoj tute ne povis atenti la ricevitan korespondadon. Li penos respondi al ĉiuj tiel baldaŭ kiel la okupoj lin permesos.

**Tabako.** — Georgi Dimitrov Kataliev, ulica Diustabanov n-ro 39, Plovdiv (Bulgario), sperta tabakoficisto, deziras interrilati kun eksterlanda tabakkomerca firmo aŭ tabakfabrikejo. Donas informojn kaj ĉiujn bezonaĵojn rilate tabakkomercadon kaj tabakkulturon de tuta lando Bulgario. Leterojn nur pri tiu ĉi temo kun eksterlanduloj.

**Transbajkala** Societo „Esperanto“ devigata propagandi Esperanton en tre malfavoraj ekonomiaj cirkonstancoj, preskaŭ nenion ricevante el eksterlando pro manko da monrimedoj, petas ĉiujn esp. organizaĵojn kaj esperantistojn alsendi esperantajn senpagajn eldonaĵojn: gazetojn, broŝurojn, katalogojn, prospektojn, afiŝojn, foliojn ktp., diverslingvajn naciajn gazetojn (precipe en angla, franca kaj germana lingvoj) kun Esperanto-fakoj kaj traŝaj poresperantaj artikoloj, ankaŭ desegnaĵojn kaj pentraĵojn de ĉiulandaj lernantoj (geknaboj). Ĉion ni tre bezonas por ekspozicio. Interŝanĝe laŭ deziro ni povas sendi poŝtmarkojn eluzitajn, papermonojn de nia respubliko, desegnaĵojn de siberiaj lernantoj kaj naciajn gazetojn kun notoj pri Esperanto. Adreso: U. Ĉita, Orient - Siberia Respubliko, poŝtkesto 36.

# INTERNACIA KOMERCO

**Artaĵn** metallaboraĵojn, originale maneforĝitajn, speciale artajn broĉojn el latuno aŭ kupro eksportas: H. Petermann, Schwerte (Ruhr), Germ., Hagenerstrasse 6. Specimenon per rekomendita sendaĵo kontraŭ 1 Dol., 4 sv. Fr., 3 nord. Kr., Ŝil. aŭ samvaloraj naciaj monbiletoj. Specialan oferton pri samspecaj buŝtukringoj, cindrujoj ktp. kontraŭ respondkupono.

**Artindustriaĵoj,** batikkolorigitaj ledaj objektoj, monujoj, brodaĵoj hungaraj: relative malmultkostaj por bonvalutanoj mendeblaj ĉe Paŭlo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15. Per mendo Vi helpas artindustriiston en mizero! Vi povas certigi al vi profiton per vendado!

**Ĉiuspecajn fabrikaĵojn** deziratajn el Germanio vi je fabrikprezoj aĉetos per Internacia komercagentejo Emil Krempler, Sebnitz i. S. Centro de industrio. Aldonu al demando respondkuponon.

**Berlin.** — Ĉiuj komisioj estas zorgeme prilaborataj de F-ino Martha Rabe, Bandelstrasse 45 P. A. 21.

**Ĉiujn esperantaĵojn,** nove eldonitajn, aĉetas aŭ akceptas por komisia disvendo „Bohema Esperanto-Servo“, Moravany, Boh., Ĉehoslovakujo.

**Komercaj** proponoj petataj: A. K. Divekar, 19 E. Ambewadi, Girgaon, Bombay, Hindio.

**Komercajn** rilatojn serĉas kaj ofertojn petas la Komerca Eksport-Importa Oficejo de I. Krestanoff, Wintergartenstr. 9-I., Dresden A. 16, Germanio.

**Komercaj ĉambroj,** firmaoj kaj oficejoj de internaciaj foiroj, dezirantaj per Esperanto interrilati kun komercaj organizaĵoj kaj entreprenoj de Orienta Siberia Respubliko, skribu pri siaj deziroj kaj proponoj al tiea Centra Esperanto-Komitato kaj sendu al ĝi prospektojn, katalogojn, reklamilojn, enketojn ktp. por disvastigo inter komercaj organizaĵoj. Krom esperantaj presaĵoj oni akceptas ankaŭ verkitajn france kaj germane. Sed korespondaĵoj ĉiam devas esti verkitaj nur esperante. Adreso: Ĉita [Tschita], Orient-Siberia Respubliko, poŝtkesto 36.

**Komercistoj** kaj industriistoj! K. M. Belberov & C-ie, Chumen-Bulgarie, deziras reprezenti en Bulgario diversajn eksterlandajn fabrikaĵojn kaj produktaĵojn.

**Korbmebloj** malkaraj, riceveblaj el pola fabrikejo pogrande kaj detale. Kompletaj salonoj konsistantaj el 6—10 pecoj [tablo, sofo, du brakseĝoj, du seĝoj, unu tabureto, du florpiedestaloj, unu florujo] kostas nur 72.000—82.000 pol. Mk. Postulu fotogr. desegn. kaj informojn de Prof. Micz. Sygnarski, Kordeckiego 19, Bydgoszcz, Polio.

**La Festpoemo** de Helsinki de S-ro Kalocsay sur aparta memorfolio, la teatraĵeto *Paĝio de l' reĝino*, tradukita de Kalocsay, ludita dum postkongreso en Budapest, haveblaj por po unu respondkupono ĉe Paŭlo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15.

**Libroj** pri ĉiuj scio-teritorioj prizorgas precize Librejo Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde [Saksujo], demando respondkupono.

**Libroj.** — Internacia esperant. oficejo liveras ĉiujn librojn en Esperanto kaj en ĉiuj mondaj lingvoj, signojn, kartojn, notojn, markojn. Senpagaj informoj kontraŭ unu respondkupono. P. Hitrow, Berlin-Charlottenburg 2, Fach 18.

**Malmultekostaj** belaj donacoj estas la hungaraj manlaboroj: brodaĵoj, puntaj kaj koloraj tuketoj, tukoj, ledaj saketoj, monujoj koloritaj, skatoletoj, pupetoj. Specimensendo por 20 sv. Fr. aŭ egalvaloro. Plej malgranda sendo por 3 Fr. Taŭga por revendado. Informojn donas kaj mendojn peras Paŭlo Balkányi, Budapest VI., Hajos u. 15. — La laborojn faras po vivsubteno hungaraj sinjorinoj kaj fraŭlinoj! Per mendo vi helpas ilin! La objektoj tre plaĉis al la vizitantoj de la kongreso en Helsinki!

**Negocojn** ĉiuspecajn peradas Edgar Roitzsch, Sebnitz in Sachsen [Germanio]. Vidu reklamon.

**Oficejajn artikiojn,** unukvalita liveras ĉion Papergrandvendejo Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde [Saksujo], demando respondafranko en nacia mono.

**Patentaĵo** de interesega sportludo [tablo] en ĉambro, en liberejo ludebla, simila futbalon estas vendota por 25000 hungaraj kronoj. Pli detale: D-ro V. Toth, Budapest VI, Eötvös u. 37.

**Rozoleo** natura garantiite sendata poŝtasekurite en boteletoj de 10 gramoj neto por 30 fr. frankoj kaj 50 gr. 145 fr. senditaj per ĉeko al R. Cervenakov, ulica Krestec N-ro 7, Sofia, Bulgario.

**Rozoleo** bulgara unuakvalita por parfumaĵoj, sapoj ktp. Pogrande kaj pomalgrande. Specimena boteleto de 10 gr. por 25 fr. Fr. Generala reprezentanto: I. Krestanoff, Wintergartenstr. 9, Dresden A. 16, Germanio.

**Stampiloj kaj Emailŝildoj** ĉiuspecaj liveras ĉion: Stampilfabrikejo Rob. Pfennigwerth, Hirschfelde [Saksujo], demando respondkupono.

**Sukceno.** — Kun germana firmo disponanta krudan sukcenon deziras interrilati N. K. Roscoe, 12, Shinryudo-cho, Azabu, Tokyo.